8-a jaro. — N-ro 6-7 (88-89) Junio-Julio 1922.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Beerstraat, 45
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1922

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo

(Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle) :

| | | |
|---|---|---|
| Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) | fr. | 5.— |
| Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» | fr. | 10.— |
| Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) | fr. | 25.— |
| Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) | fr. | 50.— |

---

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidinto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, antaŭa urbestro Gent.
CH DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
O. ORBAN, Profesoro de la Universitato, Liége.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, antaŭa, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, ĥemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

---

## Oficiala Organo de la Ligo

# " BELGA ESPERANTISTO „

Redakta Komitato:

S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR, WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belglando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj: | 12 numeroj. | 6 numeroj. | 3 numeroj. | 1 numero. |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Internaj kovrilpaĝoj: samaj prezoj + 50 %.
Dorsa kovrilpaĝo : samaj prezoj + 150 %.

## AGADA KOMITATO

Prezidanto: S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Vicprez.: S-roj L. Cogen, Ninove; L. Champy, 17, r. Richard, Anvers.
Generala Sekretario: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Gent.
Kasisto: S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle.
Direktoro de la Oficiala Organo: } Fr. Schoofs, 45, kleine Beerstraat,
Gazetara Servo: } Antwerpen.

### MEMBROJ ELEKTITAJ DE LA GENERALA KUNVENO.

S-roj Babilon (Jumet), L. Champy (Antwerpen), D-ro Dupont (Beyne-Heusay, S-ino Elworthy - Posenaer (St. Mariaburg), Jos. Parotte (Verviers), Frans Schoofs (Antwerpen), D-ro W. van der Biest (London) kaj Oscar Van Schoor (Antwerpen).

### DELEGITOJ DE LA GRUPOJ.

Antwerpen: Antverpena Grupo Esperantista: S-ro A. Van de Velde, 10, Olijftakstraat.
» La Verda Stelo, S-roj G. Vermandere, M. Jaumotte.
» La Suda Lumo, S-ro J. Jacobs, 444. Boomsche steenweg.
» Esperantista Junularo: R. Broeckhove, Maatstr., 52.
Boom : Grupo Esp., J. Clerbaut, Groenhofstr..
Brugge: Bruĝa Grupo Esperantista, S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge. F-ino Y. Thooris, 4, rue de l'Outre.
Charleroi: Grupo Esperantista, A. Henraut, 30, r. Ferrer, Lodelinsart.
Gent: Genta Grupo Esperantista, H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent. C. Van de Velde, Zwarte Heirestraat, Gentbrugge —
» La Progreso, S-ro L. Cogen, Ninove, kaj F-ino E. Colyn, Ryhovelaan, 21, Gent.
Gendbrugge: «Espero»: S-ro De Bruyker, Gestichtstraat, 96.
Ledeberg: La Tagiĝo, S-ro L. Varendonck, 113, Kerkstr., Gentbrugge.
Liége: Lieĝa Ago, S-roj Oger, 37, rue de Campinne, Liége, kaj F. Derigat, rue St. Eloi, 11, Liége.
Lier: Liera Stelo, S-ro J. Leflot, 47, Vaartlaan, Lier.
Mechelen: Grupo Esperantista Axel Baesens, Statiestraat, 16.
St-Gilles-Bruxelles: Antaŭen, F. Mathieux, 15, Av. Bel-Air, Uccle.
St. Nikolaas-Waes: Unueco estas Forteco, S-ro A. De Bosschere, 3, Place de la Régence.
Sclessin: Grupo Esp.: J. Bissot, rue de Trazegnies, 72.
Spa: Soc. Espéranto de Spa, S-ro J. Desonay, Place des Glorieux, 3.
Verviers: Esperantista Grupo, S-ro Joseph Pirnay, 146, Ch. de Heusy. J. Herion, rue des Raines, 8.

8a Jaro Junio-Julio 1922 N° 6-7

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto : FRANS SCHOOFS 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen | Abonoj kaj Monsendoj FERN. MATHIEUX 15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laûbezone la manuskriptojn.*

# XIa Belga Kongreso Esperantista

(Sta. Nikolao, 4-5 junio 1922a.)

Ĉi tiun jaron, la Belgaj geesperantistoj kunvenis en la bela urbeto S-ta Nikolao, por ĉeesti sian XIan nacian kongreson. Malgraŭ la malfacilaĵoj, kiujn la geamikoj de kelkaj lokoj el nia lando sendube havis por atingi la kongresurbon, la ĉeestantaro estis tute ne pli malgranda ol tiu de la antaŭaj jarfestoj. Pli ol ducent belgaj gesamideanoj dum du tagoj plenigis la ordinare ĉiam kvietan atmosferon de la Waaslanda ĉefurbo, per sia bonkora kaj sana gajeco. Kiel ĉiujare ni povis ĝoji pri la ĉeesto de kelkaj fremdaj kunbatalantoj, inter kiuj F-no Gerard (Paris), S-oj E. Baez (Hispanujo), Anovrief (Estonujo).

Jam de sabato vespere, la stelportantoj sin montris en la stratoj, kaj la eksterurbaj kongresanoj estis facile rekoneblaj pro sia sencela promenado.

La saman vesperon, le estraro de la Belga Ligo havis specialan kunvenon.

* * *

Dimanĉon matene, dum la alfluo de la samideanoj ne ĉesis ĉe la stacidomo, febra agemo regis en la «Hôtel de Flandre», la akceptejo, kie S-ro De Bosschere, la simpatia Prezidanto de la loka komitato, ĉirkaŭata kaj helpata de plena stabo da senlacaj sindonemuloj, sin okupis pri ĉiuj lasthoraj aranĝoj, disdono de kongresaj kaj alispecaj kartoj, organizo de la loĝado, k. c. Ni bedaŭrinde denove devis konstati ke la laboro de la organizantoj refoje suferis pro la partoprenantoj kiuj tre malfrue kaj eĉ tute ne sin anoncis. Ni esperas ke baldaŭ ili mem havu la okazon organizi kongreson, nur ham ni estos certaj kaj ni povos ĝoji pri malapero de ilia speco.

Je la deka, ĉiuj kongresanoj sin metis en bona ordo sur la placo antaŭ la stacidomo, kie baldaŭ alvenis bonega muzikistaro de loka societo, kiu, ludante gajajn marŝariojn, kondukis nin tra la urbo al la domo de S-ro Leon Scheerders, grava industriisto, honora prezidanto de la Esperantistaj grupoj de S-ta Nikolao kaj de la organiza

komitato. Dum ĉiuj kongresanoj ariĝis antaŭ la domo, la oficialaj reprezentantoj de la Ligo, kaj de la lokaj grupoj estis akceptitaj en la hejmo de la simpatia honora prezidanto, kiu profitis tiun okazon por oficiale transdoni belegan grupflagon, donacitan de li al la lokaj esperantistoj. Malmultaj sed koraj kaj energiaj vortoj estis diritaj de S-ro Scheerders mem, S-ro De Bosschere kaj S-ro Witteryck, nia Liga Prezidanto. Prezentite en la strato al la belga esperantistaro, tiu flago, vere arta ĉefverko de brodado, estis salutata per «Espero», kantata kun akompanado de la harmonia muzikistaro.

Post la flagobapto la sekvantaro reformiĝis kaj direktiĝis al la urbodomo. Kiam ĝi atingis la Grandan Placon, ekaŭdiĝis de el la urboturo la esperantista himno, sonorilare ludita. Tiu surprizo multe impresis la tutan partoprenantaron. La procesio haltis antaŭ la urbdomo, kaj ĉe la apero de S-ro D-ro De Smedt, urbestro, la muzikistaro ludis «Brabanconon». Post la eniro en la belegan akceptan salonon, S-ro Prezidanto Witteryck prezentis la kongresanojn, kaj montris la favoran efikon, kiun la enkonduko de Esperanto havigos super la tutmonda vivo, komparante la lingvon internacian kun la eltrovo de la presarto. Jen la teksto de la parolado:

"Hooggeachte Heer Burgemeester, Mijne Heeren,

"Ongeveer vijf eeuwen geleden werden de eerste werken door middel van beweegbare letterteekens gedrukt.

"Wat zou de wereld thans zijn, indien de drukkunst niet bestond?

"Zou daar iemand met zekerheid op kunnen antwoorden?

"Voorzeker neen! Die kunst heeft te veel verandering in alle standen en vakken der samenleving teweeg gebracht, dan dat men zich de wereld zonder haar zou kunnen voorstellen.

"Hoe ongelooflijk dit ook schijne, die grootsche uitvinding werd door ongeloof en onwetendheid zoodanig vervolgd, dat ze bijna in hare wieg versmachtte.

"Evenals de drûkkunst is onze Esperanto-taal een onzijdige kracht, die ten dienste staat van al wie er maar gebruik wil van maken, en die, even als zij, de belangrijkste vruchten belooft af te werpen.

"Gelijk alle groote uitvindingen heeft zij hare tegenstanders : maar ook, gelijk deze, heeft ze onbaatzuchtige voorstanders, die haar langzaam maar zeker den weg banen, en het menschdom zullen dwingen het Esperanto als een onschatbare weldaad aan te nemen.

"Vijf eeuwen verder zal een spreker wellicht uitroepen: "Hoe is 't mogelijk, dat men zoo lang heeft geaarzeld, zulk een krachtig middel tot welstand en beschaving algemeen aan te nemen ; hoe zou de wereld thans zijn, indien wij de algemeene hulptaal moesten missen!?

"Generaal Graaf Leman, onze diepbetreurde Eerevoorzitter, begreep de noodzakelijkheid eener zelfde tweede taal voor alle volkeren, en daarom aarzelde hij niet te schrijven: "De onverschilligheid voor het Esperanto is waarlijk grievend en bewijst meer nog dan de oor-

logen, in welke erbarmelijke barbaarschheid het menschdom verzonken ligt."

"Het verheugt ons te mogen vaststellen dat een talrijke schaar geleerden en waardigheidsbekleeders het evengoed begrijpen als Generaal Graaf Leman, en ons een hulpzame hand toereiken. Ten bewijze: het voorstel van den Volkenbond, strekkende tot het opnemen van het Esperanto onder de verplichte leervakken bij het onderwijs.

" En is het ook geen bewijs van goedkeuring, dat Zijne Koninklijke Hoogheid, Prins Leopold van België, het Eerevoorzitterschap van onzen Belgischen Esperantobond heeft aangenomen?

"Zien wij ook niet, dat vele lands- en stadsbesturen het Esperanto op het schoolprogramma brengen en geldelijk ondersteunen, zooals bij voorbeeld te Verviers, te Ledeberg, te Antwerpen, enz.

"En de gulhartige ontvangst van den Heer De Smedt, Burgemeester dezer stad, is die ook geen bewijs dat het Stadsbestuur van St. Nikolaas ons streven waardeert?

"Dank zij het ijverig optreden van den Heer De Bosschere, Voorzitter der Esperanto-Groep van St. Nikolaas, en dank zij de machtige ondersteuning van den Heer Scheerders, Eerevoorzitter, die dezen morgen de Maatschappij met zoo'n prachtigen standaard begiftigd heeft, dank zij de hooge bescherming van den Heer Burgemeester, eerelid der maatschappij, heeft onze taal in de nijvere hoofdplaats van het Waasland reeds aanzienlijke uitbreiding gekregen, en ik koester te hoop, dat ook hier binnen kort het Esperanto op het officieel studieprogramma zal gebracht worden.

"Onze innige dankbaarheid voor de reeds genoten gunsten en vooral voor het vriendelijk onthaal van heden, zou alsdan onbeperkt wezen en met fierheid zouden wij op de vruchten van het huidige kongres terugblikken.

"Hooggeachte Heer Burgemeester,

"In mijnen naam en in dien van al de kongressisten bied ik u en het hier door u vertegenwoordigde Stadsbestuur onzen innigsten dank aan, en vorm ik de hartelijkste wenschen voor het welzijn en den voorspoed der hoofdplaats van België's prachtigen Lusthof!„

S-ro Urbestro De Smedt respondis plej afable en la nomo de la urbestraro li deziris koran bonvenon al ĉiuj alvenintoj. Li alte ŝatas la klopodojn de la Esperantistoj kaj bedaŭras ke li ne regule povas prijuĝi la obtenitajn rezultatojn. La celon de nia movado li trovas en niaj insigno kaj nomo: Ni portas la stelon, signo de ĉiuj bonintencaj esplorantoj kaj pioniroj, nia koloro estas la verda, tiu de la espero, kaj nia nomo estas Esperanto!

La urbestro laŭde parolas pri la celo de la Esperantista movado, ĝin nomas nobla. Se iam ĝi estos atingita, la esperantistoj havos grandan meriton, ĉar konfliktoj ricevos pacan solvon, kaj niaj estontaj generacioj ne plu devos travivi tiajn sangajn scenojn, kiajn ni ĉeestis.

Por konfirmi tiun deziron kaj sian simpation al niaj klopodoj, la urbestro proponas ke ĉiuj ĉeestantoj, laŭ la malnova flandra kutimo, trinku kun li la honorvinon, kiun la urbo Sta. Nikolao tutkore prezentas, je la progreso de Esperanto kaj je la sukceso de la dekunua belga kongreso.

Post tiu kora akcepto, la kongresanoj iris al la Akademia salonego kie okazos la ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista.

* * *

Je la 12a S-ro Witteryck, Prezidanto, malfermas la kunvenon, kaj tuj S-ro L. Cogen, vicprezidanto, petas, aŭ plibone ekkaptas la parolon por elparoli jenajn vortojn:

"Estimataj geamikoj,

"En mia kvalito de prezidinto de la Belgaj kongresoj Esperantistaj en St. Gilles kaj en Liége, mi deziras komence de la hodiaŭa kunveno, diri kelkajn korajn vortojn al nia Liga Prezidanto.

"En St. Gilles kaj en Liége, mi devis sciigi ke mia amiko Witteryck estis petinta, ke mi anstataŭu lin kiel kongresa prezidanto, ĉar lia estimata edzino kaj li mem estis malsanaj, kaj ankaŭ pro la dummilita detruo de liaj gravaj profesiaj aferoj.

"Tiu situacio malgaja daŭris jam de du jaroj, kiam fine pliboniĝo ekmontriĝis, kaj en la farto kaj en la profesio de nia amiko. Iom post iom la suno de la espero ekbrilis en lia koro.

"Hodiaŭ ni retrovas lin en la loko de la prezidanteco. Estas pruvo, ke lia situacio multe pliboniĝis: ni retrovas lin, kiel estinte, bonfarta kaj kuraĝoplena, kaj ni multe ĝojas pro tio. Ĉar, bedaŭrinde, la edzino de nia prezidanto ne jam tute resaniĝis, ni tie ĉi esprimas la fortan kaj sinceran deziron pri baldaŭa tuta resaniĝo ŝia.

"Kara amiko Witteryck, je la nomo de ĉiuj gekongresanoj, mi gratulas vin pro la reveninta bonstato, kaj sincere ĝojas pro via rekunesto inter ni. Vi estas la vera viro ĉe la ĝusta loko!

"Depost la morto de nia bedaŭregata amiko Amatus Van der Biest Andelhof, kies memoron mi profunde kaj emocie salutas en la hodiaŭa solena tago, vi daŭrigis brile la tiel brile komencitan estradon de la kara Mortinto. Kiel prezidanto de la Ligo kaj de niaj naciaj kongresoj, vi estas la viro de la devo kaj de la bonaj konsiloj!

"Tro longe mi ne turmentos vian modestecon. Tamen lasu min diri al vi, kara amiko, kiom ni ĉiuj ĝojas revidante vin ĉi tie je la kapo de niaj vicoj! Lasu min esprimi la deziron, ke ankoraŭ dum multaj, multegaj jaroj ni havos la feliĉon posedi en vi lertegan prezidanton kaj karan, sindoneman amikon!

"Vivu nia Amiko, Prezidanto Witteryck!"

Longdaŭra aplaŭdado salutas tiujn vortojn.

Kiam, fine, la prezidanto trovas okazon por paroli, li diras:

"Estimata Amiko Cogen,

"Viaj paroloj estis iom tro flatemaj por mi, tamen mi nur konsi-

deras la bonan intencon, kaj tutkore mi dankas vin, pro tiu pruvo de sincera amikeco!

"Estimataj kaj karaj gesamideanoj,

"Mi ne povas esprimi kiom mi estas feliĉa trovi min denove meze de tiel granda kolegaro, kaj plenumi la agrablan devon diri al vi: tutkoran bonvenon!

"Antaŭ dudek jaroj, mi staris preskaŭ tutsola en Belgujo por disvastigi nian idealon, kaj kontraŭstari la batojn de l' sorto, la mokojn de l' homoj!

"Nun multnombre vi alvenis por atesti, ke mi elektis la bonan vojon, kaj por subteni miajn obstinajn klopodojn.

"Tia sukceso entuziasmigas min, kaj le mia tuta koro, mi espremas al vi mian dankon, pro tia solena aprobo de mia filantropa entrepreno.

"Mi speciale dankas la eminentan konsilantaron de Sankta Nikolao, kiu tiel simpatie akceptis nin, kaj al kiu ni ŝuldas la uzadon de tiu ĉi bela kunvenejo.

"Specialan dankon ankaŭ mi devas esprimi al la senlacaj helpantoj de la loka organiza komitato kaj precipe al ĝia vigla Prezidanto, S-ro De Bosschere, kiu tiel zorge preparis la programon de nia Kongreso, kaj al ĝia malavara Honora Prezidanto, kiu tiel grandanime subtenas nian agadon kaj al kiu la grupo de S-ta Nikolao ŝuldas la belegan standardon kiun ni ĉiuj admiras.

"Mi speciale deziras tutkoran bonvenon al la eksterlandaj esperantistoj, kiuj vojaĝis tien ĉi por interŝangi kun ni la manpremon de samideana frateco.

"Fine mi ne povas preterlasi esprimi respektplenan saluton al nia Honora Prezidanto, Lia Princa Moŝto, kiu bedaŭrinde, pro liaj proksimaj ekzamenoj, ne povas ĉeesti nian Kongreson.

"Kaj ĉu estas eble malfermi la kunsidon de la unua postmilita Kongreso, kiun mi prezidas, sen esprimi mian plej profundan respekton, mian plej koran dankon al nia karmemora Majstro Zamenhof, la genia kreinto de la mirinda lingvo, kies pioniroj ni ĉiuj estas?

"Aŭdu lian admonon:

"Obstine antaŭen! La nepoj vin benos,
"Se vi pacience eltenos,"

"Jes, Kara Majstro, tion senlace ni faros,
"Ĝis kiam, per nia obstina laboro,
"Ni trafos la celon en gloro!

"Karaj Gesamideanoj,

"Ĉu la gravaj okazintaĵoj de la pasinta jaro ne garantias, ke ĝi estas proksima la solena tago de nia fina triumfo?

"Jen pruvoj:

"La decido de la Ligo de Nacioj pri enskribo sur la tagordon de ĝia proksima kunveno, de la temo pri la instruado de Esperanto en la lernejoj.

"La Internacia Konferenco de Ĝenevo, kiu konkludis, ke la faritaj eksperimentoj montras, ke la registaroj riskus nenion enkondukante la lingvon en la lernejojn, ĉar anstataŭ pliŝarĝi la programojn, kontraŭe Esperanto faciligus la aliajn studojn, kaj ŝparus valoran tempon.

"Ni ankaŭ rimarku la gravajn rezultatojn en nia lando :

"en Antverpeno, kie la Urbestraro organizas esperantajn kursojn;

"en Verviers, kie Esperanto estas oficiale enkondukita en la instruadon ;

"en Ledeberg, kie du specialaj esperantaj kursoj estas pagataj de la Estraro.

"En multaj aliaj lokoj la progresoj estas tre kontentigaj, eĉ mirindaj !

"La tre gravaj perdoj, kiujn la milito okazigis al mi, la malsanoj kiuj trafis mian hejmon, malhelpas min esti tiel agema, kiel decas al liga prezidanto.

"Miaj amikoj scias, kiom tiu duonaktiveco por Esperanto ĉagrenigas min; kaj sindoneme la Vic-prezidanto, la Ĝenerala Sekretario, la Direktoro de nia revuo grandparte malŝarĝas min, kaj dank' al tiuj altvaloraj helpantoj, la ligestraraj aferoj ne suferas pro miaj personaj malfeliĉaĵoj.

"Al ili mian plej sinceran dankon !

"Karaj Gesamideanoj,

"Pripensu bone la gravecon de nia devizo «Unueco donas fortecon»

"La unueco kondukos nin al la fina venko ; la malunueco estus nia perdo !

"Por konservi tiun unuecon ĉiu el ni devas kelkfoje silenti pri siaj personaj opinioj, ne nur pri lingvaj demandoj, sed ankaŭ pri organizaj aferoj.

"Tamen ne sufiĉas esti pacemaj esperantistoj, ni devas esti viglaj propagandistoj. Estas nia devo fari ĉion eblan por subteni nian oficialan organon kaj per ĉiuj rimedoj disvastigi niajn principojn.

"La Kongrestagoj devas esti speciale favoraj al nia propagando en S-ta Nikolao, sed por tio estas nepre necese, ke la ne-esperantistoj rimarku diferencon inter esperantistaj kaj aliaj kongresoj; kaj, ke, uzante ĝin, ni pruvu al ili la taŭgecon de nia lingvo.

"Forlasante la kongreson, ni devas havi la konvinkon, ke ni utile pasigis nian tempon: ke ni multe lernis kaj ankaŭ bone propagandis.

"Tiam, rekuraĝigitaj kaj per freŝaj fortoj armitaj, ni komencos la novan jarperiodon, kaj obtenante sukceson post sukceso, ni fine akiros la dolĉan rekompencon por niaj laboroj !"

S-ro Anofrijev, el Tallinn (Estonujo), salutas la kongreson jene :

"La Ministerio de Publika Instruado de Estona Respubliko kore salutas la kongreson, uzas la okazon esprimi sian ardan simpation al la ideo de reciproka kompreno kaj paca kultura laboro, kiu estas skribita sur la verda standardo de esperantistoj de ĉiuj landoj de la mondo Ankaŭ en la juna Respubliko Estona lastatempe larĝe disvastiĝas la

lingvo Esperanto. La Ministerio atente observas ĝian sukceson kaj esperas, ke baldaŭ alvenos la horo, kiam ankaŭ en la lernejoj de Estonujo estos enkondukata deviga instruado de tutmonda helplingvo Esperanto !"

Poste diras F-ino Gérard (Paris), ke, laŭ franca proverbo «malsatanta stomako ne havas orelojn»; pro tio ŝi ne tedos la ĉeestantojn per longa parolado. Je la nomo de la francaj esperantistoj ŝi frate salutas la kongreson.

S-ro Baéz (Hispano) diras:

«Mi salutas la kongresanojn je la nomo de la hispanaj gesamideanoj. Mi salutas la Komitaton de la Belga Ligo kaj gratulas ĝin pro ĝia laboro. Ni daŭrigu nian penadon ĉar «guto post guto, konstante frapante, traboras la monton granitan», kaj ankaŭ ni iam atingos nian celon, la triumfon de nia ideo.»

La Kongreso aŭdas la raporton de S-ro Petiau, Sekretario, de la Belga Ligo Esp. pri la agado de tiu Ligo dum la jaro 1921/1922. Tiun raporton ni ĉi sube plenteksté represas:

* * *

"Estimataj Gesamideanoj."

"Jen denove jaro forpasis, kaj kiel kutime mi devas raporti pri ĝiaj ĉefaj okazintaĵoj.

"Sed, antaŭe, mi ne povas preterlasi redanki la organizintojn de la lasta bela kongreso en Liége. Mi estos certe via interpretanto al ĉiuj esprimante niajn danksentojn pro la agrabla restado kiun ni ĝuis en la bela valona urbo dank'al la bona laboro de niaj Lieĝaj geamikoj, kiuj sukcesis aranĝi la kongreson je la kontentiĝo ĝenerala. Je l'nomo de la belga samideanaro mi dankas ilin tutkore.

"Dum la lasta kongreso ni ricevis la ĝojigan informon, ke Lia Reĝa Moŝto la Princo Léopold, Duko de Brabant, estis ĵus akceptinta la Honoran Prezidantecon de nia Ligo. Estas grava fakto, kiu montras, ke en la oficialaj mezoj oni komencas taksi nian aferon je ĝia valoro kaj estas nova pruvo de la simpatio de la Reĝo Alberto por nia movado. Tiu kuraĝiga subteno havos certe bonan influon por la antaŭenirado de niaj klopodoj.

"Ni ricevis alian tre citindan oficialan apogon: la Ministro de «Sciencoj kaj Artoj», sro Destrée, komisiis Sron Schoofs por lin oficiale riprezenti ĉe la XIIIa internacia kongreso en Praha.

"Kvankam la grupa agado estas tre kontentiga, mi ne intencas detale raporti pri ĝi; B. E. sufiĉe ĝin faris. Tamen mi deziras rememorigi al vi kelkajn bonajn rezultatojn akiritajn: Tri novaj grupoj aliĝis la Ligon; estas: «Esperantista Junularo de Antverpeno», «Mehlena Grupo Esperantista» kaj «Esperantista Grupo de Sclessin» (Lieĝo).Mi deziras al ili longan kaj prosperan vivadon.

En Antverpeno, dank' al la bonega propaganda laboro de Sro. Schoofs, la centra lerneja komitato, kies sekretario li estas, sukcesis organizigi oficialajn vesperajn kursojn de la urbo. En Ledeberg, la ko-

munumo oficiale starigis du kursojn: unuagradan kaj mezagradan, kaj la profesoroj, kiuj gvidas tiujn kursojn estas pagataj de la komunumo. Tiun belan rezultaton ni grandparte ŝuldas al nia amiko Varendonck. En Verviers, Sro.Pirnay sukcesis obteni ke nedevigaj kursoj estu oficiale organizataj en la lernejoj de la 4a grado por knaboj.Jen kuraĝigaj faktoj kiuj certe incitos ĉiujn propagandistojn ilin ĝeneraligi. Estas evidinte, ke nia ĉefa celo devas esti la enkonduko de Esperanto en la lernejoj; sed por atingi tiun rezultaton ni devas praktike labori; ni devas konigi nian aferon al la geintruistoj por ke ili ŝatu nian movadon kaj nin subtenu. Samtempe, ni devas pli ageme ol iam daŭrigi nian ĝeneralan propagandon ĉar se ni volas sukcesi ni devas serioze atentigi la gepatrojn pri la valoro de Esperanto kiel edukilo kaj kiam ili estos konvikitaj pri tiu valoro ili postulos mem ke oni instruu Esp. al iliaj infanoj aŭ almenaŭ ili plifaciligos nian taskon. Ni do estu praktikaj, ni uzu nur taŭgajn rimedojn. Unu el la plej bonaj nun uzeblaj estas certe la manifesto de la geinstruistoj okazinta en Genève dum Pasko pasinta. Ni insiste atentigas vin pri ĝia uzado kiel konvinkilo, ĉar tiu manifesto baziĝas ne sur teorio sed sur seriozaj eksperimentoj faritaj de la edukistoj mem. Tiu manifesto estas tre grava fakto kiun mi ege rekomendas al via serioza atento kaj mi varme konsilas al vi ĝin sendi al via urba estraro kaj aperigi en viaj lokaj ĵurnaloj.

"Siavice la Ligo ne preterlasos labori en la sama senco, kaj ageme daŭrigos la gazetaran servon, kiun S-ro Schoofs jam de la pasinta jaro prizorgas. Per ĝi, li komunikas al la belga gazetaro ĉiujn notindajn poresperantajn faktojn.

"Por simpligi la laboron de tiu servo kaj por ke ĝi produktu kiel eble plej grandan rezultaton kaj, konsiderante la deziresprimon de la Komitato pri starigo de propaganda bulteno, ni kreis specialan presitan «Esperanto-Film», kies disvastigon la Ligo prizorgas, ne nur inter la gazetoj kaj revuoj, sed ankaŭ al ĉiuj institucioj oficialaj kaj ne, kiuj povas esti interesigitaj; ekzemple: bibliotekoj, skabenoj de instruado, instruistoj, k.c. Ni konsideras tiun «Esperanto-Film» kiel bonegan propagandilon, kiun ni tre varme rekomendas al la grupoj kiuj povas tre profite uzi ĝin por sia loka propagando. Ili notu, ke ju pli granda estas la nombro presota, despli malgranda estos ĝia prezo. — La Ligo ne celas monprofiton per ĝi, sed nur efikan propagandon.

"La ĵus aperinta numero enhavas la tradukaĵojn de la Manifesto de la Konferenco en Genève. Estas do bona okazo por ĝin dissendi malmultkoste, ĉar kiel perioda eldonaĵo, ĝi nur postulas poŝtmarkon de unu centimo.

"Nun gesinjoroj, mi deziras iom paroli al vi pri nia interna vivo. Kiel vi scias, nia Ligo konsistas el diversaj grupoj de la lando, kies Delegitoj elektis Ligestraron al kiu ili konfidis la taskon direkti la Ligan laboron. Ĉar tiu tasko fariĝas ĉiutage pli kaj pli peza kaj malfacila por ĝin bone plenumi, la sincera kunlaborado de ĉiuj estas nepre necesa. Se la grupoj havas rajton ili ankaŭ havas devojn. Ilia unua devo estas subteni sian centran organismon. Antaŭ du jaroj, la

grupaj Delegitoj, unuanime, decidis reaperigi nian nacian ĵurnalon «Belga Esperantisto». Mi ne diros al vi kiom malfacila estis la efektivigo de tiu decido; la plej grava kontraŭajo estis la nesufiĉeco de abonantoj, kvankam la grupoj promesis abonigi ĉiujn siajn membrojn! Tamen, malgraŭ ĉio, B. E. reaperis, sed ĝis nun, nur ĉiudumonate. Ni ricevis plendojn pri tiu prokrasto! Ŝajnas al mi ke la grupoj fariĝas iom tro postulemaj kaj forgesas, ke B. E. ne estas la organo de la Ligestraro sed de la tuta belga esperantistaro kaj se ĝi volas ke la ĵurnalo aperu ĉiumonate ĝi devas iom pli efike ĝin subteni! Efektive, ni konstatis kun granda bedaŭro, ke multaj grupoj sin tute ne interesas pri sia oficiala organo. Ili havigas nur kelkajn abonantojn pretekstante ke la deviga abono forpelas la membrojn! Mi ne povas akordiĝi kun tiu vidmaniero, kiu cetere ne estas konforma je la faktoj. Efektive, la grupoj, kiuj aranĝis sian kotizaĵon tiamaniere ke ĝi entenas la abonon al B.E. ne nur havas multajn abonantojn sed konservas siajn lernantojn pro la fakto ke ili pagis sufiĉe grandan kotizon. Aliaflanke, ni konstatis, ke la grupoj, kiuj ne pagigas sufiĉan kotizon ne havas abonantojn sed eĉ ne konservas siajn lernantojn! Mi donos nur du ekzemplojn: en la grupo «Verda Stelo» el Antverpeno, por sekvi la kursojn la lernantoj devas pagi dek frankojn por kiuj ili ricevas la ĵurnalon kaj estas membroj de la grupo. Nu, la pasintan jaron «Verda Stelo» havigis 187 abonojn kaj la nunan jaron pli ol 300 kontraŭ nur 477 abonoj por la aliaj grupoj kaj izoluloj kune! Aliaparte, mi konas grupon kiu agis sammaniere kiel «Verda Stelo» la pasintan jaron kaj rikoltis 32 abonojn; la nunan jaron ĝi ne plu pagigis la kursojn kaj lasis la abonon laŭvola; ĝi havis nur 16 abonantojn kaj post kelkaj lecionoj ĉiuj lernantoj forlasis la kurson. La du spertoj estas do konkludaj kaj mi estas certa, ke se ĉiuj grupoj agus kiel «Verda Stelo» ili ne nur havigus multajn abonojn al B. E. sed ili havus multe pli da membroj kaj cetere ili povus pli efike labori.

"Oni ankaŭ plendis ĉar la ĵurnalo ne estas sufiĉe interesa. Kiel tre prave skribis Sro. La Gravière en la «Libera Parolejo» de la aprila no de B. E. intereso estas afero tute rilata. Cetere, se la ĵurnalo ne estas sufiĉe interesa je la vidpunkto de la kritikantoj ili nur devas kulpigi sin mem ĉar ili nenion faras por igi ĝin pli interesa.

"Karaj geamikoj ni estu logikaj! Se ni volas, ke nia organo estu pli interesa ni ĉiuj sincere kunlaboradu por igi ĝin tia. Kritiko estas certe bona, sed kritiko sen rimedo estas ne nur neefika sed ofte detruiga kaj senkuraĝiga. Laŭ mi, ni multe pli bone agus ne perdante nian tempon en vanaj diskutoj kaj kritikoj sed kunlaborante ĉiuj sincere kaj en perfekta konkordo por la sukceso de nia komuna idealo. Ni ĉiam memoru nian nacian devizon: «Unueco donas fortecon»! Jes, ni laboru ĉiam interkonsente kaj ni estos fortaj!

"Nun restas al mi la agrablan taskon danki la organizintojn de la nuna kongreso. La ĉeestantoj, kiuj jam kunlaboris al la organizado de festo aŭ de kongreso scias kiom da peno kiom da laboro postulas tia organizado. Nu, niaj St. Nikolaaj amikoj akceptis volonte tiun malfa-

cilan taskon kaj tutsimple, sen multe da bruo sed en perfekta naniero ĝin plenumis kaj sukcesis malgraŭ ĉiuspecaj kontraŭaĵoj aranĝi belan kongreson kaj rezervi al ni agrablan restadon en St. Nikolao. Tiun belan rezultaton ni ŝuldas ĉefe al Sro. De Bosschere, la agema Prezidanto de la ĉi tiea grupo, kiu direktis la preparan laboron kun admirinda organizemo. Mi transdonas al li kaj al liaj kunlaborantoj nian profundan dankemon. Povu ilia laboro esti rekompencata per fruktodona rezultato ! »

* * *

Poste, S-ro Fernand Mathieux, Kasisto, prezentas la raporton, kiu sekvas pri la financa stato de la Ligo dum la jaro 1921a :

Estimataj Gesamideanoj,

"Gis nun, la kutimo estis ke, okaze de la ĉiujara nacia kongreso, la kasisto de la Ligo prezentis la situacion de sia kaso tia kia ĝi estis je la dato de la Kongreso.

"Tio estis sen graveco kiam nia malriĉa budĝeto konsistis nur el kotizaĵoj kaj administraj elspezoj.

"Sed de kiam la Ligo prenis sur sin la taskon eldoni la gazeton, la sumoj iĝis multe pli gravaj, kaj ĉar la abonoj, kiuj formas niajn ĉefajn enspezojn, estas preskaŭ ĉiuj enkasigataj dum la unuaj monatoj de la jaro dum la preselspezoj nur estas pagataj iom post iom, oni nur povas praktike starigi seriozan bilancon je la fino de decembro.

"Fine de 1920, ni posedis en kaso 618.74 fr.,

"Fine de 1921, ni posedis 1246.10 fr.

"Vi do vidas ke ni ne iras al la bankroto!

"Nia enkaso duobliĝis dum 1921.La duonon de tiu rezultato ni ŝuldas al la gazeto.

"Pro la kialoj kiujn mi klarigis supre, mi ne povas doni al vi nun precizajn ciferojn pri la nuna jaro, sed mi kredas ke la rezultatoj estos kontentigaj, precipe dank' al la nelacigeblaj klopodoj de nia amiko Schoofs, kiu ĝis nun sendis al mi la prezon de proksimume 300 abonoj, do pli ol 2000 frankoj, nur por «La Verda Stelo.

"Mi ne volas preterlasi la okazon altiri vian atenton sur tiun imitindan ekzemplon.

"Bedaŭrinde mi devas konstati ke la plimulto el la grupoj nur mendis kelkajn abonojn, kaj ke aliaj eĉ ne pagis sian kotizajon. Tamen, tiu ĉi ne estas ruiniga: duonfranko po membro, kun minimumo da 10 fr.

"Konklude, nia financa situacio estas kontentiga, sed niaj rimedoj ne permesas al ni la elspezojn, kiuj estus necesaj por aktiva propagando.

"Ni devas klopodi por pligrandigi nian kapitalon, por ebligi al la Ligo la realigon de ĝia celo.

S-ro Witteryck dankas F-inon Gérard kaj S-rojn Anofriev kaj Baéz pro la afablaj vortoj, kiujn ili diris al la kongresanoj kaj petas ilin reporti la fratsaluton de la belga Esperantistaro al la gesamideanoj de sia lando. Li ankaŭ esprimas sinceran dankon al la sekretario pro

la tre interesa raporto, kaj esperas ke ĉiu relegos tiun dokumenton. Li poste dankas la kasiston pro la bonaj zorgoj per kiuj li flegis nian kason, kaj insistas fine por ke oni atentu bone la konsilojn kaj petojn de niaj diversaj fakestroj

Je la 13a horo la kunsido finiĝis, kaj ĉiuj kongresanoj promenis al la ĝardeno de la urba muzeo, kie ili estis fotografataj.

* * *

Kelkaj minutoj poste la pli granda parto de ili retrovis sin ĉirkaŭ la festenotablo en la salono «De Hoop». Laŭ antaŭa kutimo, ni komunikas ĉi sube la enhavon de la manĝokarto :

"Supo Esperanto — Reĝinaj Pasteĉetoj — Rombfiŝo — Maltaj Terpomoj — Bova rostaĵo — Miksitaj frumaturaj legomoj — Terpomoj — Burĝa Torto — Vino."

Ni devas konfesi, ke la malrapida servado farita de tro malgranda personaro malfavore influis la bongustecon de la manĝaĵoj. Aliflanke la partoprenantoj havis tiom grandan provizon da bonhumoro ke, ĝenerale oni ne tro multe suferis tiun mankon.

Je la tosthoro, S-ro Prezidanto Witteryck leviĝis kaj diris :

"Karaj Gesamideanoj,

"Dum 1911, Lia Reĝa Moŝto Alberto akceptis la titolon de Alta Protektanto de nia internacia Kongreso en Antverpeno.

"En 1913 nia Esperantista Semajno-Kongreso en Gento estis honorata de la sama favoro.

"Kaj kiam pasintan jaron ni petis Lian Princan Moŝton akcepti la honoran prezidantecon de nia Ligo, sen heziti kaj plezure li plenumis nian deziron.

"Certe ni ĉiuj tre alte ŝatas tiujn solenajn pruvojn de simpatio kaj de estimo al nia homama movado, kaj kun la plej koraj sentoj de respekto, de amo kaj de danko, mi proponas malplenigi la glasojn je la feliĉo kaj la prosperado de Lia Reĝa Moŝto Alberto, de nia amata Reĝino, de nia respektegata Honora Prezidanto kaj de la tuta Reĝa Familio !"

La prezidanto legas la telegramojn, kiujn li proponas sendi ; kaj kies teksto jen sekvas :

"Aan Zijne Majesteit den Koning,

"De leden van den Belgischen Esperanto-Bond, in Kongres vergaderd te St. Nikolaas, brengen hulde aan Hun Majesteiten den Koning en de Koningin en juichen geestdriftig den heildronk toe door hun voorzitter ingesteld op het geluk en den voorspoed van het dierbaar Belgisch Vorstenhuis.

A. J. Witteryck, Voorzitter » (1)

"Aan Zijn Koninklijke Hoogheid, Prins Leopold van België,

"De leden van den Belgischen Esperanto-Bond, vergaderd te St. Nikolaas, ter gelegenheid van hun jaarlijksch Kongres, brengen een dankbare hulde aan hun Eere-Voorzitter, Zijn Koninklijke Hoogheid

Prins Leopold van België, en juichen geestdriftig den heildronk toe, op zijn geluk en voorspoed ingesteld.

A. J. Witteryck, Voorzitter » (2)

(1) Respondo ricevita :

"Den Heere A. J. Witteryck, Voorzitter des Belgischen Esperanto-Bonds, Steenebrugge.

"De Koning en de Koningin waren zeer gevoelig aan het in uw telegram zoo geestdriftig uitgedrukt huldebetuig en Hunne Majesteiten gaven mij last u en al de leden van uwen bond hartelijk in hunnen naam te danken.

's Konings Kabinetoverste.»

(2) Respondo ricevita :

"Den Heere A. J. Witteryck, Voorzitter des Belgischen Esperanto-Bonds, Steenbrugge.

"Prins Leopold, zeer gevoelig aan den inhoud van uw telegram, gelast mij u en al dezen wier tolk gij waart, hartelijk in zijnen naam te danken.

's Konings Kabinetoverste.»

S-ro Oscar Van Schoor, eldiras jenan toston al la alilandaj geesperantistoj :

"Karaj Gesamideanoj,

"La reveno de la ĉiujara belga kongreso estas por malnovaj samideanoj ĉiam okazo de ĝojo kaj de ĝuo. La plejmulto inter ni, junuloj per la jaroj, junuloj en la movado, nur post kelkaj jaroj povos kompreni la psikologion de la malnovaj batalantoj. La landaj kongresoj anstataŭas por la plimulto de la enlandaj esperantistoj la internaciajn kongresojn, kiujn nur malmultaj enlandanoj, favorigitaj de la vivcirkonstancoj povas partopreni. Kaj tamen, estas preskaŭ nur en tiuj internaciaj kongresoj, ke oni povas travivi la veran intiman Esperantisman vivon, kaj senti la korbaton de la interna ideo, kiun nia karmemora Majstro metis en la fibrojn de la lingvo kaj de la movado. Estas nur kiam esperantistoj el la plej diversaj partoj de la mondo kunvenas, ke en tuta pleneco oni povas konstati la murojn de miljaroj inter la popoloj dividitaj, kaj ankaŭ tiam nur, ni povas senti en nia koro la fortajn ligilojn, kiujn nin ligas al la homoj kun alia lingvo, religio, nacieco. Tiam ni sentas nin homoj en la tuta signifa valoro de tiu vorto, kaj ĉiam ni revenas el similaj kongresoj kun pligrandigita entuziasmo kaj espero en la fina venko de nia homama movado.

"Kaj en simila spirito kaj kompreno de la realeco, kvankam belgaj kongresantoj, ni estas feliĉaj renkonti, tie ĉi, en nia belga kongresurbo esperantistojn el malproksimaj landoj. Al tiuj gefratoj de la tutmonda esperantistaro ni tendas korege la manon, dirante al ili bonvenon, bonvenon! Ni klopodu en la mezuro de la ebleco, por ke eĉ niaj regionaj kongresoj fariĝu pli kaj pli rendevuo de la esperantistoj el aliaj landoj

kaj, por ke tiamaniere pli kaj pli efektiviĝu la kunfratiĝo de la nacioj kaj de la homoj, kaj por ke ni realigu plene la vortojn de nia neforgesebla amiko Antoni Grabowski :

"La lingvo benata sin montras al ni
"Mirinda donaco ĉiela
"Per amo, al hejmo, patrujo, naci'
"Ni flamas en koro fidela
"Kaj same fidelaj al hejma altar'
"Ni sentas nin filoj de tuta homar'. "

"Vivu Esperanto ! Vivu Paco kaj Homa Frateco !"

F-ino Gérard (Paris), per kelkaj bonsentitaj vortoj dankas je la nomo de la nebelgaj Geesperantistoj, kaj trinkas je la prosperado de la Belga Ligo Esperantista.

S-ro Emilio Baéz, havas kelkajn ĉarmajn vortojn por la Esperantistinoj, al kiuj respondas S-ino Elworthy-Posenaer tre sprite, kun aldono, ke, ĉar nun ni jam eniris la periodon de la egaleco de la viro kaj virino, ĉi tiu havas saman rajton kiel la unua, sed konsekvence ankaŭ la saman devon, kaj tial ŝia kunlaboro ne valoras specialan laŭdon !

S-ro Babilon (Jumet) faras toston al la Organiza Komitato de la Kongreso, al kiu respondas S-ro A. De Bosschere.

Fine, S-ro Fr. Schoofs (Antverpeno) proponas trinki je la Belga gazetaro, kiu tiel bonvole akceptas ĉiujn komunikojn de niaj Ligo kaj Grupoj, kaj tiele potence helpas al la disvastigo de nia lingvo.

* * *

Je la 16a horo okazis en la Akademia salono la labora kunsido de la Belga Ligo, sub la prezidanteco de S-ro A. J. Witteryck.

La prezidanto komunikas telegramon, kiu ĵus alvenas de la Kongreso de la francaj esperantistoj, kiu okazas en Parizo :

"Koregan saluton sendas al belga Kongreso la Société Française pour la propagation de l'Esperanto per konkordo labora."

La sekretario, S-ro H. Petiau, prezentas al la kunveno la proponon de S-ro Schoofs, propono kiun jam akceptis la Komitato de la Ligo, kaj kiu celas plifaciligi la aliĝon al la Ligo de la Junulaj grupoj, per malgrandigo de la kotizaĵo pagota de tiuj grupoj. Laŭ ĝi tiuj grupoj pagos nur Fr. 0,25 (anstataŭ 0,50) por ĉiu membro malpli ol 16 jara, kaj la minimuma kotizaĵo por la tuta grupo estos Fr. 5.— (anstataŭ Fr. 10.—). La sekretario petas, ke la ĝenerala kunveno aprobu tiun ŝanĝeton en la regularo.

S-ro Vaerendonck (Ledeberg) proponas fiksi la templimon je 18 jaroj (anstataŭ 16, laŭ la propono), tiamaniere ĉiuj membroj sen voĉdonrajto pagos nur duonan kotizon.

La propono estas sen kontraŭstaro akceptita kun la ŝanĝo proponita de S-ro Vaerendonck.

S-ro Witteryck dankas la kunvenon kaj aldonas : "Ĉe nia dua Belga Kongreso en Bruĝo, dum 1910, laŭ propono de S-ro Ludoviko Van Aubel, el Lieĝo nia Ligo aprobis la starigon de esperantista ligo inter

la junularo, kondiĉe ke tiu organismo ne disigu la esperantistajn fortojn, kaj ne malhelpu al la ĝenerala movado.

"S-ro Van Aubel tre elokvente klarigis la gravecon de tia organismo, kaj S-ino Elworthy-Posenaer kaj S-ro Schoofs subtenis la proponon.

"Mi sincere bedaŭras, ke nur dekdu jarojn poste mi havas la plezuron akcepti tian altvaloran Federacion, kiel sekcion de nia Ligo.

"Kara Junularo,

"Mi deziras plej koran bonvenon al vi; mi plene fidas en via sukceso, kaj mi certigas, ke la Belga Ligo apogos viajn klopodojn."

Pri la diplomoj pri profesora kaj simpla kapableco, S-ro Witteryck faras jenan komunikon:

"Bedaŭrinde F-ino Jennen, Prezidinto, kaj S-ro Maertens, juĝinto ĉe la lastaj ekzamenoj, estas malebligataj ĉeesti la kongreson, kaj ĉar ili ne ankoraŭ subskribis la diplomojn, ni ne povas ilin disdoni hodiaŭ.

"Mi rimarkas multajn instruistojn kaj instruistinojn inter la laŭreatoj, kaj tion mi konstatas kun granda plezuro, ĉar la konferenco de Ĝenevo konkludis, ke preparado de pli multaj instruistoj urĝas kaj necesas antaŭ ĉio.

"Mi atentigas la grupestrojn pri tiu konkludo, kaj esperas, ke ili senprokraste klopodos por plenumi la pravan deziron de la konferenco."

La sekvanta temo ĉe la tagordo estas: Elekto de lokaj delegitoj de la Ligo en lokoj kie ne ekzistas Esperantistaj Grupoj. **S-ro Frans Schoofs** prezentas tiun proponon je la nomo de la grupo « La Verda Stelo », Antverpeno. Tiu grupo pristudis la demandon pri la disvastigo de la propagando en malgrandaj urboj kaj en vilaĝoj, kaj konkludis ke por atingi sufiĉe bonan rezultaton, la elekto de provincaj delegitoj ne estas efika en ĉiuj provincoj, ekzemple en Antverpeno, Okcidenta Flandro, Luksemburgo, k. a.; pli bone estus krei kiel eble plej multe da malgrandaj centroj de propagando, kaj tial la grupo proponas, ke la XIa Kongreso akceptu jenan deziresprimon :

"La XIa Belga Kongreso esprimas la deziron ke, por plimultigi la propagandajn fokusojn por Esperanto en nia lando, kaj por kuraĝigi fondon de novaj grupoj esperantistaj, la Estraro de la Ligo esploru la eblecon elekti lokajn delegitojn de la Belga Ligo en lokoj, kie ne jam ekzistas grupoj.

"(Tiuj delegitoj, kompreneble, ne havos la samajn laŭregulajn rajtojn ĝis kiam grupo estos fondita en ilia loko).

Post mallonga priparolo, en kiu partoprenas S-roj Pirnay (Verviers), Witteryck, Petiau kaj Schoofs, la kongreso unuanime akceptas la proponitan deziresprimon.

**S-ro Léon Champy** (Antverpeno) legas longan raporton pri kelkaj reguloj observindaj en Esperanto-tekstoj. Li precipe insistas por ke, en gazetoj, broŝuroj aŭ libroj, redaktataj en Esperanto, oni ĉiam uzu unu universalan mezur-sistemon. Li proponas, ke flanke de kiu ajn alia sistemo, oni ĉiam esprimu la mezuron per la metra sistemo.

S-ro **Oscar Van Schoor** (Antverpeno) varme subtenas la proponon de S-ro Champy.

S-ro **Van de Velde** (Gento) opinias, ke ne estas la tasko de nia kongreso priparoli tiajn temojn; cetere la tagordo ne enhavis la prezentitan proponon. Mallonga diskuto sekvis inter S-roj Van Schoor, Van de Velde, Schoofs, Champy kaj Witteryck, kaj fine la kongreso akceptas proponon de la prezidanto, laŭ kiu oni presigu en « B. E. » resumon de la raporto de S-ro Champy. Poste la Komitato pli detale ekzamenos la aferon.

Inter la diversaĵoj priparolitaj, ni notas :

S-ino **Rustin** (Gento) proponas, ke nacia kongreso okazu pli ol unufoje ĉiujare. Ni ne sufiĉe kunlaboras. Cetere nur per uzado de la lingvo ni edukos spertajn esperantistojn, tial ni devas multobligi la okazojn por uzi la lingvon.

La kunveno decidas, ke la komitato de la Ligo ekzamenu la proponon, kaj invitu pro tio S-inon Rustin al sia proksima kunsido.

S-ro **La Gravière** (Antverpeno) atentigas pri la fakto, ke multaj samideanoj kritikis kaj mallaŭdis la organizon de la Ligo kaj de la Liga organo. La estraro kreis en «B. E.» specialan rubrikon «Libera Parolejo» kun la celo diskutadi ĉiujn detalojn por atingi ion pli bonan, kaj li miras: 1e ke nur malmultaj amikoj kunlaboris en tiu rubriko nur por aprobi la liveritan laboron, 2e kt neniu plibonigo estis ĝis nun prezentita.

S-ro **Varendonck** (Ledeberg) proponas, ke oni starigu Provincajn Federaciojn.

S-ro **Hérion** (Verviers) legas tre interesan raporton pri la propagando vere efika, kiun organizas La «Skolta Esperantista Ligo» en la diversaj skoltaj societoj, kaj speciale pri la agado kiun S-ro Van Vynckt (Bruselo) kaj li mem starigis jam por propagandi nian lingvon en la Belga Skoltaro. La kongreso aplaŭdas la raportinton, kaj decidas presigi la raporton en «B. E.»

S-ro **Petiau** faras novan alvokon por ke la grupoj kaj propagandistoj uzu grandnombre nian «Esperanto-Film», kaj precipe la tre interesan Numeron 3-4.

S-ro **Witteryck** insistas pri tiu punkto. Li estas certa, ke nia malgranda bulteno estas multe pli efika inter la neesperantistoj ol granda multteksta gazeto.

Ĉar neniu plu petas la parolvicon, la prezidanto Witteryck, petas, ke la grupoj sin ageme okupu pri ĉiuj temoj priparolitaj dum la nuna kunveno, ke ili obstine daŭrigu sian laboron por nia komuna afero.

Dankinte ĉiujn partoprenantojn por ilia kunlaboro, kaj dezirinte al ili revidon ĉe la proksimjara kongreso, li fermas la ĝeneralan kunsidon de la Belga Ligo Esperantista.

* * *

Posttagmeze okazis en la ĝardeno de la urba muzeo belega koncerto de armea muzikistaro, kaj vespere la kongresanoj ree kunestis en tiu ĝardeno, kaj havis tie la okazon fari efikan propagandon por

nia lingvo inter la multnombraj neesperantistaj vizitantoj de la granda flandra Kermeso organizita por la blinduloj. Bedaŭrinde la tro freŝa vetero iomete malhelpis la planojn de la organizintoj kaj pro ĝi la plenaeraj numeroj de la programo ne povis okazi. Precipe estis pro tio malĝojigataj la knaboj-membroj de la Esperantista Junularo de Antverpeno, kiuj devis en ĝi kunlabori. — Ĝis tre malfrue estis vizitataj la diversaj ejoj (trink-, laktaĵ-, ĉigar-, vin-, kaj librovendejoj) de la Kermeso, en kiuj laboris tre sindone la gemembroj de la Esperantistaj grupoj de S-ta Nikolaas.

La postan tagon, lundon, tre granda parto de la kongresanoj piede promenis al Temsche (Tamise). La suno favoris ilin dum la tuta vojirado. Speciala karakterizaĵo de tiu promenado estis, ke la partoprenintoj, kiuj marŝis po malgrandaj grupoj, preskaŭ ĉiuj sin okupis nur pri la movado, eĉ - se mi kuraĝus tion diri- pli pasie ol dum la oficialaj kunvenoj.

En Temsche okazis malgranda sed familia akcepto organizata de la tieaj samideanoj. S-ro Douven per koraj paroloj bonvenigis la aliurbajn geamikojn, kaj pruvis al ili, ke ankaŭ en lia urbo la movado estas subtenata de aro da kuraĝoplenaj pacaj batalantoj.

Iom post tagmezo la kongresanoj enŝipiĝis kaj veturis al Antverpeno. Ilia gaja babilado ĉarmis la restadon sur la ŝipo kaj interesigis la neesperantistajn vojaĝantojn.

Post du horoj oni atingis Antverpenon, kie ĉiu, promenante en la urbo, atentis sian vagonaron por re-enhejmiĝi.

Kaj la kongreso finiĝis !

Ĝis la proksima !

Ni ne povas fini la raporton pri tiu kongreso, ne rimarkigante la speciale multnombran ĉeeston de junuloj (knaboj 11 ĝis 14 jaraj) el Antverpeno, kiuj, malgraŭ la malagrablaĵoj antaŭviditaj pri la loĝado (ili dormis sur pajlo), kuraĝis veni, precipe por kunlabori al la sukceso de la jarfesto, kaj por montri la rezultaton konkretan de la ne-jam-dujara laboro de la Esperantista Junularo de nia granda havenurbo. Ni estu pro tio dankaj al tiuj infanoj, kaj ni precipe gratulas pro la pene atingita rezultato niajn sindonajn pionirojn Broeckhove, Beaujean, Clémeur, De Schutter, kaj aliajn junajn kamaradojn.

B. E.

# Ree Hejmen

Sur la kalendaroj gluitaj interne sur niaj pupitroj, kaj de kiuj ni ĉiuvespere forviŝas unu tagon, estas nur kelkaj strekoj farotaj. La monatoj, la semajnoj, la tagoj, kiuj ŝajnis senfinaj estas forpasintaj. Jam oni lernas la deklamaĵojn kaj fablojn por la disdono de la premioj, la roloj de la teatraĵeto estas distribuitaj kaj baldaŭ konataj. Ankoraŭ dufoje grekan lecionon, ankoraŭ unufoje latinajn versojn ! Ni iras

## Koresponda Fako:

DEZIRAS KORESPONDI :

Theo Bialek, Breslauerplatz 11, Oppeln (Silezio).
Jozefo Kutyik, Attila la, Temesvar IV (Rumanujo).
I. Sapirŝtejn, Poŝtkesto 23, Gemel, (Rusujo).
Manuel Santiso, Apartado 116, Santa Clara (Kuba).
H. Heslop, Orrell House, Fairfield, Bury (Lancs-Anglujo).
Paul Friedrich, Krakauerstr. 9. I., Markranstadt-Leipzig (German).

S-ro Inĝeniero Zdeborsky, Pardubice, Bohemujo (Ĉehosl.) interŝanĝas p. k., p. m., monerojn, ĵurnalojn, k. c.

S-ro Walter Amort, Falkenhorst (b.) Grüna b. Berlin; p. m.

S-ro Ĉenèk Schejbal, lernanto, Jireĉkova ul. 121, Vysoke-Mylo, (Boh.) p. markojn.

S-ro Cesar Magalhaes, Rua 24 de Maio 74, Fortaleza-Ceora (Brazil) leterojn, kartojn, p. markojn.

S-ro Prof. José Ventura, 12 Roteros, Valencia (Hispanl.) monerojn, p. mark. gvidlibrojn, konkaĵojn.

S-ro Raphael Fernandez str. Fuente Vieja 79, Tarrasa (Hispanl.) p.k.

S-ro Karlo Abrai, Temeto utca 28, Szombathely (Hungarl.); p. mark.

S-ro Emilio Venturelli, instruisto, Novi di Modena (Italujo).

S-ro L. Smit, 2e Jan Steenstr. 75/2, Amsterdam.

S-ro Theodor Theodoroff, V-a kvartala 69, Pleven (Bulgarujo); p. kartojn, Esp. gazetojn; vendas serio de 100 poŝtmarkoj de balkanaj ŝtatoj por Fr. 10.—.

Oni povas mendi la ĉi-subajn librojn ĉe la kasisto de la Ligo:
S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle (Bruselo).
(Poŝtĉek-konto: N° 39984).

| | | |
|---|---|---|
| Literaturo: Formortinta Delsuno René Vermandere | Fr. | 4.— |
| » La Amuzistoj. — Miguel Zamacoïs | Fr. | 3.50 |
| » Kion Patrino povas suferi. — H. Conscience | Fr. | 1.— |
| » Poemaro. — Tiflisano | Fr. | 0.50 |
| Teatraĵoj: Devo de Reĝo. — Nestor de Tière | Fr. | 2.— |
| » Bietje. — Maurits Sabbe | Fr. | 2.— |
| » La Ŝipeto. — J. De Vos | Fr. | 2.— |
| Monologoj: La Turisto kun la Verda Stelo (O. Van Schoor) | Fr. | 0.75 |
| » Judas'o (O. Van Schoor) | Fr. | 0.75 |
| » La Servistinoj (O. Van Schoor) | Fr. | 0.75 |
| » La Telefono (O. Van Schoor) | Fr. | 0.75 |
| Muzikaĵoj: La Tagiĝo | Fr. | 0.50 |
| » Mi aŭdas vin | Fr. | 2.50 |
| » La Espero | Fr. | 1.25 |
| Diversaĵoj: Titolaro de eldonaĵoj en kaj pri Esperanto | Fr. | 1.— |
| » La Vérité (De Waarheid), Esp. Ido. | Fr. | 0.25 |
| » Autour de l'Esperanto | Fr. | 1.— |
| » Kolekto de 25 kongresaj poŝtkartoj | Fr. | 3.— |
| » Poŝtkarto «La Espero» | Fr. | 0.10 |
| » Poŝtkarto Portreto D-ro Zamenhof | Fr. | 0.10 |
| » Poŝtkarto «Leert Esperanto» | Fr. | 0.10 |
| » Apprenez l'Esperanto | Fr. | 0.10 |
| » Manĝokarto | Fr. | 0.25 |
| » 100 Propagandaj sigelmarkoj | Fr. | 2.— |

LA TUTA KOLEKTO de ĉi-supraj eldonaĵoj estas aĉetebla je rabatita prezo de Fr. 25.—.

Ni posedas diversajn jarkolektojn de la Revuo «Belga Esperantisto», kiujn ni povas cedi je jenaj prezoj:

☞ A. Plena separa kolekto, Fr. 65. —. (Tre interesa dokumento por ĉiu grupoj kaj propagandista.NI POSEDAS NUR 8 KOLEKTOJN.

B. Kolekto de la unua jaro 1908-09, Fr. 8. (Nur 18 kolektoj).
dua jaro 1909-10, Fr. 8. (Nur 18 kolektoj).
tria jaro 1910-11, Fr. 7. (Nur 64 kolektoj).
kvina jaro 1912-13, Fr. 5.—.
sesa jaro 1913-14, Fr. 5.—.

☞ FINE estas havebla granda kvanto de apartaj antaŭmilitaj numeroj de «Belga Esperantisto», kiujn ni povas liveri je Fr. 0.30 po kajero.

aŭ je Fr. 20.— po 100 ekzempleroj.

La samideanoj povas krei al si, je tre favoraj kondiĉoj tre interesan biblioteketon.

Aliflanke la apartaj numeroj de nia revuo estas tre taŭga materialo por agrabligi la grupajn kunvenojn kaj kursojn, en kiuj ili tre facile povas anstataŭi la nuntempe tre multekostajn legolibrojn.

ekzerci, kiel saluti, kiam la prezidanto al ni donos premion, kaj kiel nin teni, kiam la urbestro nin gratulos. La tutan nokton mi ne dormas. Jen la tago, la lasta tago de la lernojaro! Oni aŭdas kantadon kaj ĝojkriadon en la studejo, kie alie estas tiel mortsilento, tiel malgaje.

La profesoroj promenas sur la ludejo kaj ŝajnas nek vidi, nek flari, ke oni fumas cigarojn en ĉiuj angulo j.

En la dormoĉambroj, de sub la litoj, la kofroj ruladas tiel rapide, kiel la kupraj radetoj kapablas turniĝi, kaj la valizoj revenas preskaŭ nerekoneblaj de la subtegmentejo, kie ili pasigis la jaron sub polvo kaj pluvo. Ĉemizoj kaj libroj, vestoj kaj ŝuoj, ŝtrumpoj kaj brosoj, lernilaro kaj memoraĵoj de la kamaradoj estas ĵetitaj intermiksitaj en ilin. Ne estas eble fermi la valizojn; feliĉe oni havas bonvolajn amikojn, kiuj venas du- aŭ triope piedfrapi kaj puŝi sur la kovrilon, ĝis fine la vestoj kaj libroj estas tiel forte premitaj, ke la ŝlosiloj estas enigataj en la rustiĝintajn serurojn. La servisto ŝarĝas la pakaĵojn sur la puŝĉareton, kaj ni promenas apud li, tenante palteton sur la brako kaj cigaron en la buŝo.

Denove ruladas la respektinda,sed ankaŭ ĉiam brufaranta poŝtveturilo. Mi sidas premita inter du dikaj ĉevalkomercistoj, sed mi diskutas kaj krias kaj fumas tiel forte kiel ili.

Ŝajnas al mi, ke la regiono ne fremdiĝis al mi ; jes, mi rekonas tiujn arbojn ; mi ekvidas inter la foliaro la pinton de orumita lanco... mi vidas la kapon de ĉevalo... la tuta kozako ekaperas (1);... jen la ruĝa tegmento... jen la tuta Tegoldomo (2). La onklino staras antaŭ la ĉirkaŭbarilo. «Man», la hundo, saltante venas al mi renkonte ĝis sur la ŝtupo de la poŝtveturilo, kaj kuras hejmen por anonci min; jes, ĝi ankoraŭ konas min. Mio, la servistino, tenas la pordon tute malfermita. Mi eniras serioze, kaj ŝi nomas min : Sinjoro Ernesto.

Tie ĉi staras la manĝotablo, kovrita je bongusta manĝaĵo. De el sia verda kaĝeto, sur la piano, Koko min salutas. Kontraŭ la muro, sub la bildo de mia avo, ankoraŭ ĉiam staradas la bona respektinda, komforta brakseĝo. Denove mi sidas en mia angulo, nedireble feliĉa, pro tio, ke mi retrovas ĉion, sed ankaŭ miranta, pro tio, ke en la ĉambro estas tiom malmulte ŝanĝita, dum tiom longa tempo.

(El «Ernest Staas» de Tony Bergmann).

Tradukis Constant Schroeyers.

(1) La ĉevalrajdanta kozako, kun lanco en la mano estas orumita ventoflago, staranta sur la tegmento de la Tegoldomo.

(2) La Tegoldomo estas la domo de la onklino de Tony Bergmann, kie li pasigis la pli grandan parton de sia juneco. Tiu domo estas tiel nomita, ĉar la tegmento estas kovrita per ruĝaj tegoloj.La Tegeldomo (het Pannenhuis) staras sur la Antverpena Ŝoseo, en Liero.

# Malgaja Kanto

Ĉu mi trovos do trankvilon
Ja nenie kaj neniam ?
Ĉu mi trovos ne azilon ?
Ĉu mi devos vagi ĉiam ?

Ĉu mi estas kondamnita
Vagi kiel Ahasvero,
Per maltrankvilec' agita,
Forpelita tra la tero ?

Ne la svenintec' de l'vino
Trankviligis mian koron ;
Ne la amo de virino
Malakrigis la doloron !

Ve, mi trovos nur azilon
En la brakoj de la Morto :
Tie trovos mi trankvilon,
Min atendas inda sorto...

Jan Van Schoor.

# Belga Kroniko

ANTVERPENO. — En Antverpeno la « Sindikato de la Antverpena Instruistaro » malfermis kurson la 24an de majo. Partoprenas 15 geinstruistoj sub gvido de S-ro J. Swalf.

La Sindikato de la Metallaboristoj ankaŭ organizis kurson por siaj membroj, el kiuj 40 respondis la alvokon ; instruas ilin S-ro Maurice Jaumotte. La kurso komencis la 29an de majo.

ANTVERPENO. — La 17an de julio estis fondita nova grupo de laboristoj sub la nomo «Verda Lumo» ; ĝia sidejo estas ĉe la Federacio de Fakligoj: Ommeganck strato 49.

BRUGO.—La 27an de aprilo la «Bruĝa Grupo» festis la XXan datrevenon de sia starigo. Intima vesperfesto kunigis la novajn kaj malnovajn gesamideanojn; ili entusiasme aklamis la Prezidinton-Fondinton de la societo, Sron. A. J. Witteryck. Fino Yvonne Thooris havis la agrablan taskon fari la historion de la grupo, danki Sron.Witteryck kaj konigi la grandan, la senlacan laboron, la sindonemon, la persistecon de la unua bruĝa samideano. Finoj. Céleste kaj Alice Boereboom, Maria Dotselaere, Henriette Ronse, Irène Van de Meulebroecke, Sroj. Guillaume, Van Allemeersch kaj Nestor Van Eggen plenumis bonege tre

allogan programon, kiu plezurigis ĉiujn. Sro. Witteryck dankis kaj esprimis sian kontentecon pri la nuna grupa vivo,pri la elvolviĝado de sia kreitaĵo, pri la rapidaj progresoj dela novaj gasamideanoj kaj pri la sukceso de la festeto al li dediĉata. La bruĝaj gesamideanoj bonege amuziĝis : Esperanto en ilia koro ankoraŭ pli enradikiĝis.

LEDEBERGO. — La Ledeberga grupo «La Tagiĝo» povas daŭre ĝoji pro la honoriga subtenado, kiun la movado kaj la propagando ricevas de la komunuma Estraro. Du kursoj-: unua kaj duagrada estas nunjare starigitaj de la Administracio mem kaj la geprofesoroj estas de ĝi pagataj. Kia bela ekzemplo por la aliaj komunumoj? La grupo donacis 200 fr. al la tiea Societo de la lernejo-kolonioj, profito de ĝia jara festo de la 2a de aprilo, kiu brile sukcesis. La grupa vivo revigliĝas bonege.La propaganda sekcio prenis sur sin la eldonon de tutnova gramatiko esperanta, kiu ĵus aperis kaj estas havebla po 3 frankoj. Sekcio de «Junaj Gvardistoj» estas kreita; ĝi promesas gravan kunhelpon por la movado. Kolekto por la monumento de nia Majstro haviĝis 78 frankojn.

GENTO. — Nova kurso, gvidata de F-ino. Paula Deltombe, kiu ĵus brile akiris la diplomon de profesora kapableco post ses monata lernado de nia lingvo, malfermiĝis en la Universitato por dudeko da gelernantoj.

LIERO. — Je la fino de julio finiĝis la kurso gvidita de S-ro C. Schroeyers por la lernantoj de la Ŝtata Normala Lernejo. La nombro de la regulaj, ĝisfinaj partoprenintoj estis 30.— Ni esperas, ke S-ro Schroeyers daŭrigos sian agadon en tiu mezo.

VERVIERS. — Laŭ la principo de la grupo : « Oni laboru kiel eble plej multnombre», kvar membroj elektitaj en la grupo zorgas pri la sendado ĉiusemajne de artikoloj al la ĉiutagaj urbaj ĵurnaloj.

E k s k u r s o j. — Dimanĉon, 7an de majo, okazis sukcesplena ekskurso, organizita de la Verviers'a grupo, al Moresnet, Gemmenich kaj la landlimoj de Belgujo, Nederlando kaj Germanujo ; kelkaj marŝemuloj iris eĉ ĝis la belega observatorio de Vals (Holando) kie ili pasigis kelkajn agrablajn horojn. Kelkaj samideanoj el Liége kaj Sclessin akompanis la Verviers'anojn kaj decidis fari novan ekskurson kiu okala 25an de majo al la ĉirkaŭaĵoj de Louveigne kaj la grotoj d'Adseux kaj Grandchamps.

# Belga Gazetaro

Bruselo. — «La Dernière Heure» (6-6) enhavas intervjuon de F-ino M. A. Jennen, sekve de la demando: Ĉu la uzo de internacia lingvo ne povus esti utila ĉe internaciaj kunvenoj diplomataj, kaj ĉu tiu uzo ne forigus la malbonkomprenojn, kiujn oni ĉiam pro la diverseco de la lingvoj konstatis, ekzemple kaj refoje ĉe la konferenco de Genova.

La sama gazeto publikigis la 21an de julio kontraŭesperantan artikolon, en kiu nia lingvo estas nomata «rusa salado formita el miksaĵo de la naturaj lingvoj». Krom tiu speciala nova difino de nia lingvo, la artikolo nur reservas al siaj legantoj argumentojn de longe jam detruitaj de la praktikado mem de Esperanto. — S-ro J. B. Pepin respondis al la artikolo per konciza sed bontrafinta letero, kiun la jurnalo publikigis la 24an de julio.

«L'Etoile Belge» (22-23 julio) enhavas artikolon «Pri la 861a lingvo» esprimante precipe la dubon pri la definitiveco de iam elektota helplingvo. La aŭtoro principe ne kontraŭbatalas la ideon, nek neas la utilecon de internacia lingvo. — Al tiu artikolo F-ino Jennen respondis, kaj kaŭzis rerespondon de la aŭtoro en la numero de 28 julio.

«Le Soir» (25 apr.): raporto de speciala korespondanto pri la Konferenco de Genève pri la instruado de Esperanto.

«Het Laatste Nieuws» (1 majo): tre favora ĉefartikolo de S-ro A. De Cort. (10 junio): recenzo pri nia «Esperanto-Film» No. 3. (12 junio): artikolo pri la Ĝeneva Konferenco.

«De Standaard» (10.6): artikoleto pri la spertoj akiritaj en la kampo de Esperanto por la infanoj, kaj precipe pri la ekzemplo de la knabino Myfanwy Mary Butler, filino de nia bonekonata angla amiko.

«Ons Volk Ontwaakt» (14.5): fotografaĵo de la Konferenco en Genève.

«Bulletin de la Fédération Générale des Fonctionnaires et Employés des Chemins de Fer» (25.4): anonco pri kurso projektita ĉe la loka grupo de Antverpeno.

Antverpeno. — «La Métropole» (8.7): speciala korespondaĵo el Parizo priskribanta Esperanton kiel kontraŭnacieman rimedon.

«Le Matin» (9.7.): Bonega raporto pri nia Kongreso en St. Nikolao.

«Neptune» (5.6.): Telegramo el Londono pri prediko en Esperanto ĉe la kongreso de la anglaj Esperantistoj. (17.6): la redaktoro de la fantazia kroniko pritraktas la iom post iom pligrandiĝantan kolekton da internaciaj esprimoj kaj vortoj en ĉiuj lingvoj, kaj kunigas tiun fakton kun la klopodoj por la internacia lingvo.

«Gazet van Antwerpen» (9.6.): artikoleto pri F-ino Butler. (28.6): Bone dokumentita artikolo pri la problemo de la mondlingvo.

«Het Handelsblad» (30.4): anonco pri novaj kursoj en Antverpeno (8.6): raporteto pri la Belga Kongreso.

«De Volksgazet» (21, 27, 28.4): komunikoj pri kursoj en Antverpeno. (2.5): speciala cito de la surskribo portita de la Esperantistaj Diamantistoj en la loka manifestacio de la 1-a de majo. (30.6): Propaganda artikolo subskribita de la Antv. Grupo de Esp. Diamantistoj.

«De Schelde» (? aprilo, 21 majo): anoncoj pri progresado de E.

«Lloyd Anversois» (3.5.): anonco pri kursoj. (9.6.): raporto pri la konferenco en Genève.

«De Diamantbewerker» (24.6): pledo por akcepto de Esperanto en la internaciaj Kongresoj.

«Forum» (julio): artikolo pri la lasttempaj progresoj de E.

«S. A. O. P.» de la Sindikato de la Antverpenaj Instruistoj (No.5) varba artikolo por kurso, organieita en la Sindikato.

«Herleving» de la Ĝenerala Ligo de Flandraj Normalistoj (julio): la tuta flandra teksto de «Esperanto-Filmo» No. 3/4.

«Ons Woord» de la Instruista profesia sotieto «Diesterweg» (Majo): komuniko el «Esperanto Triumfonta» pri la Lerneja Muzeo en Kopenhago, kaj «Esperanto Angulo» de preskaŭ 3 paĝoj; (junio): manifesto de la Konferenco en Genève, kaj «Esp. Angulo»; (julio): recenzo pri la broŝuro eldonita en Esperanto «Aŭtonoma Muziknotado».

«Concordia», de la Sindikato de Komerco kaj Industrio, (29 julio) pri la reorganizo en tiu sindikato de la Esp. grupo «La Verda Standardo».

**Bruĝo.** — «Brugsch Handelsblad» (6.5): pri la uzo de Esp. ĉe la Komerca Foiro en Parizo; (20.5): komuniko pri la Belga Kongreso.

«Journal de Bruges» (4.5): pri lastaj progresoj de Esp.; (21-22.5): komuniko pri la Belga Kongreso; (15.6): raporto pri tiu kongreso.

**Gento.** — «Gazette van Gent» (24-25.4): Letero el Litovujo pri la etnografia kunmeto de la litova loĝantaro; (8-9.5): komuniko pri kurso; (19.5, 2.6 en 9.6): 5a, 6a kaj 7a lecionoj de Esperanto; (9.6): recenzo pri nia lasta numero; (13.6): pri progresoj de Esp-o.

«Vooruit» (12.7): la tuta flandra teksto de nia Esp. — Film pri la manifesto de Genève.

«La Flandre Libérale» (18.5): recenza artikoleto pri la lasta numero de B. E. ; (1.6): komuniko pri la belga Kongreso; (6.6.): raporto pri tiu kongreso.

**La Louvière.** — «Les Nouvelles» (14.6): pri niaj lastaj progresoj.

**Mechelen.** — «Gazet van Mechelen» (26.4) kaj (6.5): komunikoj pri la movado en Liero; (26.6): pri Esp-o inter la Skoltaro; (28.6): granda favora artikolo pri nia lingvo.

**Mons.** — «La Province» (10.6): citas niajn lasttempajn progresojn.

**Ostende.** — «L'Echo d'Ostende» (13.5): samspeca artikoleto.

**Verviers.** — «Le Travail» (6.5): Pri Esperanto kiel Literatura lingvo (el E. Triumfonta No. 82); (13.5): Fasko da Esperantaj novaĵoj; (18.5): bonega kaj ampleksa artikolo pri Esperanto kaj la Ligo de Nacioj; (9.6): La vivebleco de Esperanto; (15.6): Traduko de la antaŭparolo de H. Barbusse en la «Cours Rationnel et Complet d'Esperanto» ; (23.6) : Rememoroj el Kaptiteco, tradukita el «Le Travailleur Espérantiste.»

«Le Jour» (18.5): Por Esperanto en la lernejoj; (9.6): La vivebleco de Esp.; (15.6): Raporto pri la belga kongreso.

«Le Courrier du Soir» (9.6): La vivebleco de Esp.; (15.6): raporto pri la belga kongreso; (12.6): Komuniko pri al kongreso en Helsinki.

# XIVa Universala Kongreso de Esperanto en Helsinki

## Oficiala Delegito de nia Ministro de Sciencoj kaj Artoj

Al la kutimaj oficialaj tiucelaj klopodoj de la Belga Ligo Esperantista, la Prezidanto de ĉi tiu ricevis jenan leteron :

» SCIENCES ET ARTS

Bruxelles, le 1r juillet 1922.

» Monsieur le Président,

» En réponse à votre lettre en date du 22 juin, j'ai l'honneur
» de vous faire savoir que j'autorise volontiers M-elle M. A. Jennen,
» membre du Comité de votre Ligue et Directrice d'école à Saint
» Gillis, à représenter mon département au Congrès international
» d'Esperanto qui aura lieu à Helsingfors, du 6 au 16 août prochain.
» Veuillez agréer, Monsieur le Président, l'assurance de ma
» considération la plus distinguée.

» Le Ministre,
» P. O.
» Le Chef du Cabinet,
»(s) F. Polderman.

» A Monsieur le Président de la Ligue Belge d'Espéranto
» à Steenbrugge. ».

Traduko :

» SCIENCOJ kaj ARTOJ

» Bruselo, la 1an de julio 1922a.

» Sinjoro Prezidanto,
» Respondante vian leteron de la 22a de junio, mi havas la
» honoron sciigi vin, ke mi volonte permesas al F-ino M. A. Jennen,
» komitatano de via Ligo kaj Lernejestrino en St. Gilles, reprezenti
» mian ministran fakon ĉe la Internacia Kongreso de Esperanto, kiu
» okazos en Helsingfors, de la 6a ĝis la 16a de aŭgusto proksima.
» Volu akcepti, Sinjoro Prezidanto, la certigon de mia alta
» estimo

» La Ministro,
» Laŭ Ordono
» La Estro de la Kabineto
» (s) F. Polderman.

# Por la Monumento Zamenhof

Kvina Listo:

| | |
|---|---|
| Grupo «Progreso», Gent | Fr 62.— |
| Antverpena Grupo de Esperantistaj Diamantistoj | Fr. 40.— |
| | Fr. 102.— |
| Antaŭaj listoj | Fr. 708.— |
| Sumo : | Fr. 810.— |

(Donacojn sendu al Fr. Schoofs, poŝtĉekkonto No. 284.20, Antverpeno)

# Por " Esperanta Ligilo „ de la Blindaj Esperantistoj

Nia sesa listo :

| | |
|---|---|
| Du Bruĝaninoj | Fr. 6.— |
| Grupo «Taĝiĝo», Ledeberg, post «E-L» vespero | Fr. 10.— |
| XIa Belga Kongreso, St. Nikolao | Fr. 122.47 |
| Vendo per amerika aŭkcio de 1 ekzemplero de «Bildotabuloj» ĉe la festo de la Antv. Grupo de Esp. Diam. | Fr. 42.40 |
| | Fr. 180.87 |
| Antaŭaj listoj | Fr. 401.43 |
| Sumo : | Fr. 582.30 |

(Donacojn sendu al Fr. Schoofs, poŝtĉekkonto 284.20, Antverpeno)

# Fragmento el "Corinne ou l'Italie „

DE S-INO DE STAËL

(Antaŭnoto: Lordo Oswald Nelvil, skota nobelulo, kies sano estas tre difektita, en Italujo vojaĝas. En Romo li vidis kroni, en Kapitolo, la plej fame konatan virinon el la lando, Corinne, poetino, verkistino, improvizantino. Tiom da talento kaj beleco Oswaldon ĉarmis; arde li deziregas unuigi sian sorton kun tiu de Corinne. Ŝi, ja sciante, ke aro da malfavoraj kondiĉoj malpermesas tiun geedziĝon, klopodas por distri sian admiranton per ekskursoj en la roma kamparo, Napolo, apud la Vezuvo.)

Tamen Corinne deziris,ke Oswald ŝin ree aŭdu, kiel la tagon de l'Kapitolo, kun la tuta talento, kiun ŝi de l'ĉielo ricevis; se tiu talento je ĉiam estus pereonta, ŝi volis, ke ĝiaj lastaj radioj, antaŭ ol estingiĝi, brilu por tiu kiun ŝi estis amanta. Tiu deziro trovigis de ŝi, en la maltrankvileco mem de ŝia animo, la inspiron, kiun ŝi estis bezonanta.Ĉiuj ŝiaj geamikoj senpacience deziregis ŝin aŭdi; la popolo mem, kiu ŝin fame konis, tiu popolo, kiu estas en sudlandoj, dank'al la imago, lerta

kritikisto de l'poezio, silente ĉirkaŭis la sidejon, kie lokiĝis la Corinnaj geamikoj, kaj ĉiuj tiuj napolanaj vizaĝoj, per sia viva esprimopleneco, montris la plej viglan atenton.

Ĉe l'horizonto la luno leviĝis; sed la lastaj radioj de l'tago, ĝian lumon nur tre paligis. De l'supro de la malgranda monteto, kiu elstaras en la maro kaj formas la Mizenan kabon, oni perfekte ekvidas la Vezuvon, la Napolan golfon, la insulojn, kiuj tie troviĝas, kaj la kamparon, kiu sin etendas de Napolo ĝis Gaëto; unuvorte, la lokon de l'universo, kie vulkanoj, historio kaj poezio plej multe lasis da postsignoj. Sekve do, komunakorde, ĉiuj geamikoj de Corinne petis al ŝi, elekti kiel subjekton de l'kantotaj versoj la memoraĵojn, kiujn tiuj lokoj rakontas.

Ŝi agordis sian liron kaj ekkantis per voĉo ŝanĝita. Ŝia rigardo estis bela; sed tiu, kiu ŝin funde konis, kiel Oswald, povis en ĝi distingi la maltrankvilecon de ŝia animo. Tamen ŝi klopodis regi sian ĉagrenon kaj altiĝi super sia persona stato, almenaŭ momente.

» Naturo, poezio kaj historio tie ĉi pri grandeco konkursas; tie ĉi oni povas supervidi, per unu rigardo, ĉiujn tempojn kaj ĉiujn mirindaĵojn.

» La Avernan lagon (1) mi ekvidas, estingita vulkano, kies ondoj antaŭe sentigis teruron. Ahero, Hegeto, kiujn subtera flamo bolagitas, estas la riveregoj de tiu infero, de Eneo vizitita.

» Fajro, tiu forto avidega, kiu la mondon kreas kaj ĝin konsumas, des pli terurigis, ju malpli ĝiaj leĝoj estis konataj. Antaŭe, naturo siajn sekretojn nur al poezio konigis.

» Kuma urbo, Sibila kaverno, Apola templo troviĝas sur tiu altaĵo. Jen l'arbaro, kie rikoltata estis la ora branĉeto (2). La loko en Eneido priskribita vin ĉirkaŭas kaj la fiktaĵoj de l'genio sanktigitaj fariĝis memoraĵoj, kies postsignojn oni ankoraŭ serĉas.

» Trito en tiujn ondegojn la maltiman Trojanon (3) dronigis, kiu kuraĝis, per siaj kantadoj, la marajn diaĵojn instigi; tiuj rokegoj kavernaj kaj sonoraj estas tiaj, kiaj Virgilio ilin priskibis. Fidela estas imago, kiam ĝi estas ĉionpova. Homa genio estas kreanto, kiam naturon ĝi konscias; imitanto, kiam ĝi pretendas eltrovi ĝin.

» Meze inter tiuj teruraj masoj, de l'kreado antikvaj atestantoj, oni vidas novan monton, kiun la vulkano naskigis. Tie ĉi tero kiel maro estas, kaj ne kiel ĝi pace en siajn limojn reiras. La peza elemento, levita de la tremegoj de l'abismo, la valojn fosas, la montojn starigos, kaj ĝiaj ŝtonigitaj ondoj atestas la uraganojn, kiuj disŝiras ĝian internaĵon.

(1) La Averna lago plenigas krateron de estingita vulkano ; de l'antikvuloj ĝi estis konsiderata kiel la enirejo de l'inferoj.

(2) La ora branĉeto, kiun, laŭ ordono de Sibilo, Eneo rikoltis por krevigi la pordojn de l'inferoj.

(3) Mizeno, kunulo de l'granda Hektoro, ŝatis resonegigi la marbordojn per la sonoj de sia milita konko. Jam la diojn de l'maro li instigis. Trito tiun konkuranton ekkaptis kaj inter la ŝtonaĵojn ĵetis sub la ondon ŝaŭman.

» Sur tiu tero se vi frapas, eksonegas la volbo interna. Ŝajnas ke la surloĝita mondo jam estas nur supraĵo ekmalfermiĝonta. La neapola kamparo estas bildo de l'homaj pasioj: sulfura kaj fruktoriĉa, ĝiaj danĝeroj kaj ĝiaj plezuroj ŝajnas naskiĝi el tiuj vulkanoj flamaj, kiuj donas al la aero grandan ĉarmon, kaj fulmon sub niaj paŝoj muĝigas.

» Plinio naturon studis por Italujon pli bone admiri; li sian landon laŭdis, kiel la plej belan lokon, nur kiam li ne plu povis ĝin honori alimotive. Avida je scienco, kiel batalanto je militakiroj, de tiu promontoro mem li foriris por observi Vezuvon flambrilantan, kaj tiuj ĉi flamoj lin konsumis (4).

» Ho memoro, nobla povo, en tiu ĉi loko estas via imperio! De jarcent' al jarcento, stranga destino! homo pro tio plendas, kion li perdis. Ŝajnas ke la pasintaj tempoj ĉiuj depontenas, siavice, feliĉon kiu ne estas plu; kaj dum pensokapablo fieriĝas pro siaj progresoj, en l'estonton sin antaŭĵetas, nia animo ŝajnas sopiri pro antikva patrujo, al kiu ĝin la estinto pliproksimigas.

» Ĉu la Romanoj, kies brilegon ni envias, de siaj prapatroj ne enviis la viran simplecon? Antaŭe malestimis ili tiun lokon volupteman, kaj ĝiaj plezuregoj nur iliajn malamikojn malsovaĝigis. Vidu en la malproksimo Kapuon. Ĝi venkis la militiston, kies nefleksebla animo pli longtempe ol l'universo Romon kontraŭstaris.

» La romanoj, siavice, tiujn lokojn okupis; kiam anima forteco nur utilis por honton kaj doloron pli bone sentigi. ili moliĝis sen konsciencriproĉoj. En Baio (5) oni vidis ilin por siaj palacoj militgajni bordon de l'maro. La montoj fosataj estis, por el ili kolonojn eligi; kaj la mastroj de l'mondo, siavice sklavoj, naturon servigis por konsoliĝi esti servigitaj.

» Perdis Cicero la vivon apud Gaëta promontoro, aperanta antaŭ niaj rigardoj (6). La triumviroj, nerespektante la posteularon, senigis ĝin de l'pensoj, kiujn tiu ĉi supera viro estu kreonta. La krimo de l'triumviroj eĉ nun ankoraŭ efikadas. Estas kontraŭ ni, ankoraŭ, ke ilia krimo estis farata.

» Cicero mortis pro la ponardo de l'tiranoj. Scipio, pli malfeliĉa, estis ekzilata de sia patrujo ankoraŭ libera. Ne malproksime de tiu bordo, li pasigis siajn lastajn tagojn, kaj de lia tombo la ruinoj estas nomitaj:

---

(4) Plino l'Antikvulo mortis viktimo de sia pasio por scienco, dum tiu Vezuva elĵeto, kiu Herkulanion, Pompeion kaj Stabion detruis, dum la jaro 79a de nia tempkalkulo.

(5) Baio, bana urbeto del' antikva Italujo, je S-O de Neapolo; la Romanoj faris ĝin sia restejo plej amata.

(6) Cicero, la fama roma politikparolisto la triumvirojn estis atakinta; li estis menciata de la tabeloj mortkondamnantaj, kiujn faris tiuj malamikoj de l'respubliko. Antono lin persekutigis de siaj armitaj akompanantoj, kiuj tranĉis al li la kapon.

«La Patruja Turo». Kortuŝanta aludo pri la memoro, pri kiu lia granda animo estis okupata! (7)

»Marius'o en tiujn Minturnajn marĉojn rifuĝis, apud la Scipia domo. Tiumaniere, dutempe, persekutis la nacioj siajn superajn homojn; sed tiuj ĉi de l'apoteozo konsolitaj estas; kaj ĉielo, kie la Romanoj opiniis ankoraŭ ordoni, akceptas inter siaj steloj, Romuluson, Numon, Cezaron, novaj astroj, kiuj antaŭ niaj rigardoj kunmiksas la glorajn radiojn kun la dia lumo. Ne nur de la malfeliĉoj; de ĉiuj krimoj estas tie ĉi la postsigno.Vidu, je la golfa ekstremaĵo, la Kaprean insulon, kie maljuneco Tiberon senfortigis (8); kie tiu animo, samtempe kruela kaj voluptema, vivega kaj laca, eĉ pro krimo enuiĝis, kaj volis sin fervorege ĵeti en la plej malglorajn plezurojn, kvazaŭ tiraneco ne sufiĉe jam ĝin malnobligis.

» Sur tiuj bordoj, antaŭ la Kaprea insulo troviĝas la tombo de Agripino; nur post la morto de Nerono starigata ĝi estis: la krimulo de sia patrino ankaŭ ŝiajn cindrojn proskripciis.Longtempe,en Baio li loĝadis, meze de l'memoraĵoj de sia krimego. Kiajn monstrojn hazardo arigas sub niaj okuloj! Tibero rigardas Neronon.

» La insuloj, kiujn la vulkanoj el la maro eligis, utilis, preskaŭ de sia ekapero, por la krimoj de l'antikva mondo. Ekzilitaj sur tiuj ŝtonaĵoj dezertaj, meze de la ondoj, la malfeliĉuloj de malproksime sian patrujon admiris, penis ĝian parfumon spiri en l'aero, kaj, kelkfoje, post longa ekzilo, mortkondamno ilin eksciiĝis, ke almenaŭ iliaj malamikoj ilin ne forgesis.

» Ho tero! tute trempita en sango kaj larmoj, neniam vi ĉesis naskigi fruktojn kaj florojn! Ĉu vi do homon ne kompatas, kaj ĉu ĝia polvo en via patrina internaĵo turnas ne ektremigante vin? »

El franca lingvo tradukis
**Paula Deltombe.**

---

(7) Scipio, la Afrikano, kiu Anibalon venkis, mortis en Literno, apud Baio; ŝajnas, ke li propramave sin ekzilis.

(8) Dum la jaro 27a post Kristo, la imperiestro Tibero ekvivis private en la insulo de Kapri; siajn lastajn jarojn li pasigis diboĉante.

(9) Nerono, lacigita de l'kuratoreco de sia patrino Agripino, de centuriestro tranĉigis gorĝon al ŝi: «ŝia korpo tute senceremonie bruligata estis »,diris Tacito,» tie, kie ŝiaj cindroj disĵetataj estis, oni eĉ ne bonvolis dum Nerona vivado, kunigi iom da tero. De tiam ŝia sekvantaro al ŝi starigis tombeton, laŭ la Mizena vojo, apud la domo de l'diktatoro Cezaro.

# Tagmezo

de Leconte de Lisle (1818-1894)

Tagmez', somera reĝ', flosanta super ter',
Ornebule falas de l' ĉiela globo.
Silente, kvazaŭ flam' bruladas nun l'aer':
Tero duondormas peze en fajrrobo.

Grandega la spaceg', senombra la kampland',
Fontojn senakvigas suno nekompleza:
Senlima l'arbareg', kun ombroplena rand'
Dormas nun sen movo, en ripozo peza.

Maturaj grenoj nur, dolĉorumita mar'
Malproksime kuŝas, tute ne dormeme,
Kaj de l' sanktega ter' pacema infanar'
El la 'sunkaliko trinkas ne timeme.

Sopirsimila ja, el la spikar' murmur'
Leviĝadas, - eho de l'animo brula-;
Vekiĝas ondiĝad' el grena la velur'
Kiu tuj mortiĝas en movado lula.

Similaj, en herbej', al granda blankmakul'
Bovoj salivetas, en haŭtfaldojn dikajn,
Kaj sekvas sen moviĝ', mistere per okul'
La senfinajn sonĝojn, vere poetikajn.

Ĉu gaja estas vi, aŭ ĉu malgaja, Vir',
Kiam je tagmezo, vi en kampo venas ?
Forkuru: la Natur' mortiĝas ! Nek dezir'
Estas plu, nek ĝojo: Suno nur solenas!

Se lacigita jam, de l' larmoj kaj de l' rid'
Emas vi forgeson de la mond' baldaŭan,
Kapabla eĉ ne plu, al iu ajn decid'
Vi volupton volas ĝui adiaŭan'

Enprofundigu vin, en l' arda sunvarmec'
Iru al la urbo ree malrapide,
Trempita jam la kor', sepfoje en ĉarmec'
De la Di-Nenio, pace kaj konfide!

Esperantigis el franca lingvo:
Maurice JAUMOTTE.

# Esperanto ĉe la "Belgaj Skoltoj,,

(Raporto prezentita al la XIa Belga Kongreso)

Estimataj Gesinjoroj,

Eble vi trovos strange, ke mi venas tie ĉi paroli pri Esperanto ĉe la «Belgaj Skoltoj» mi, kiu ne estas kaj neniam estis skolto. Mi tuj kdarigos al vi la kialon. De tuj post la milito, mi akurate korespondis kun fervora samideano el Londono, kiu, iam, sciigis al mi, ke li iĝis honora ĝenerala Sekretario de «Skolta Esperantista Ligo», kies kvinopa celo estas: 1e disvastigi la skoltajn idealojn per Esperanto, 2e disvastigi Esperanton inter ĉiulandaj skoltoj, 3e krei skoltan literaturon en Esperanto, 4e eldoni internacian skoltan gazeton aŭ revuon, 5e solidarigi la senton de frateco, komunan ĉe ambaŭ movadoj, inter diversnaciaj junuloj.

Tiun Ligon, jam disvastigitan en 16 diversaj landoj, la Ĝenerala Sekretario deziris riprezentigi ankaŭ en Belgujo, kaj finfine mi akceptis plenumi la taskon de provizora oficiala Agento por nia lando.

Sekve de tio, la 20an de marto 1921, mi sendis longan leteron al la Ĝen. Sekretariejo de la Belgaj Skoltoj en Bruselo en kiu mi prezentis historieton de Esperanto, kaj anoncis la ekziston de Internacia Ligo. Responda letero estis ricevita 2an de la sekvanta monato ; ĝi estis tre promesplena. La lan de majo 1921a, samtempe kun artikolo presigota en B. E., mi sendis artikolon presigotan en la oficialan revuon belgan «Le Scout». Ĝi estis ricevatestata la 7an de majo.

De tiam, pro manko de tempo kaj de interesaĵoj, la interkorespondaĵoj iĝis pli maloftaj ĝis je la komenco de decembro 1921a, kiam la Ĝen. Sekr. sciigis min, ke la estraro tre severe ekzamenas la aferon kaj baldaŭ alprenos decidon.

Tiam mi interrilatiĝis kun trupestro Van Vynckt el Anderlecht, kiu ankaŭ multe propagandas Skoltan Esperantistan Ligon kaj, konsiderinte, post renkonto en Bruselo la 19an de februaro lasta, ke tiu sinjoro pli bone ol mi taŭgas kiel Agento de S. E. L., mi transdonis al li tiun oficon la 27an de majo.

Jamkonata ĉe la Ĝen. Sekretariejo de la Belgaj Skoltoj, S-ro Van Vynckt sukcesis plirapidigi la solvon de la problemo kaj, en dato de 9a de majo 1922a, li havis la plezuron sciigi al mi, ke S-ro Halbrecht, ĝen. sekr, oferas al li oficon en la «Ekstera fako». Lia tasko estas : 1e traduki la esperante-skribitajn leterojn ricevitajn kaj ilin respondi, 2e skribi en esperanto al la aliaj naciaj skoltaj societoj, 3e verki kaj presigi propagandajn artikolojn en «Le Scout».

Sekve de tiu laboro, Esperanto estas oficiale enkondukita en la novan programon de la asocio de la «Belgaj Skoltoj» kaj tiu asocio petis la Internacian Skoltan Asocion, proponi al la aliaj Asocioj agi same.

Bedaŭrinde, S-ro Van Vynckt ne povas partopreni la kongreson, ĉiuj el vi scias, ke nuntempe okazas en la ĉirkaŭaĵo de Bruselo gran-

daj skoltaj festoj; kaj tio malebligas lian ĉeeston inter ni. De la 28a de majo ĝis la 5a de junio, estas malfermata granda ekspozicio skoltismopropaganda en Uccle; en ĝi staras 5 tabloj da esperantaĵoj: du pri S. E. L. kaj tri kun ĵurnaloj, gvidlibretoj, flugfolioj, k. t. p. Ankaŭ multnombraj afiŝetoj anoncas la decidojn favorajn al Esperanto, alprenitajn de diversaj komercaj ĉambroj kaj registaroj.

Dank'al la propagando jam farita, nova interesiĝo pri Esperanto sin montras ĉe diversurbaj skoltoj; mi povas citi ekzemple: Bruselo, Gento kaj Antverpeno. Sed tio ne sufiĉas; la ĝenerala sekretariejo estas petinta ĉiujn grupgvidantojn disvastigi Esperanton inter siaj membroj; estas nepre necese, ke ili disponu taŭgajn Esperantistojn, kiuj estos pretaj gvidi kursojn; al ĉiuj tiuj, je la nomo de S. E. L. mi faras varman alvokon. De nuntempe jam, anoncu al la skoltestroj de via urbo ke vi estas je ilia dispono; skribu al la Ĝen. Sekretariejo de la «Belgaj Skoltoj», 45 Rue Henri Maus, Bruselo, por gratuli ilin ; fariĝu anoj, ĉu aktivaj, ĉu subtenantaj de S. E. L., kies jarkotizo estas nur 2 ŝilingoj.

Verviers, la 1an de junio 1922.

Joseph Hérion.
Eks-Agento de S. E. L.

# Belga Federacio de Junaj Esperantistoj

La 4an de junio, dum la XIa Belga Kongreso, okazis unua kunveno de tiu federacio. Ĝi alprenis provizore la jenan projekton de regularo:

Par. 1. — La 4an de junio 1922 estas definitive starigita la «Belga Federacio de Junaj Esperantistoj», kiel speciala fako junula de la «Belga Ligo Esperantista».

Par. 2. — Ĝia celo estas: Praktikadi kaj propagandi la internacian helplingvon «Esperanto» de D-ro Zamenhof, kiel ĝi estas difinita en la regularo de «Belga Ligo Esp.»

Por atingi la unuan parton de la celo ĝi organizas korespondadan kaj servan fakon por la junuloj, jaran kunvenon dum la nacia kongreso, ekskursojn kaj vojaĝetojn.

Por atingi la duan parton de la celo, ĝi organizas aŭ petas organizi pere de lokaj samideanoj, kursojn, de Esperanto por junaj personoj, kaj helpas laŭforte la Belgan Ligon Esperantistan kaj la lokajn grupojn en ilia propaganda laboro.

Par. 3. — Povas iĝi membro de la Federacio ĉiuj junul-grupoj kaj junuloj de malpli ol 20 jaroj en la lokoj, kie ne ankoraŭ ekzistas junularoj.

Par. 4. — Kiam membro atingas la aĝon de 20 jaroj, li aniĝas grupon por plenaĝuloj aŭ la Belgan Ligon Esperantistan.

Par. 5. — La kotizaĵo po membro estas 50 centimoj ĉiujare.

Par. 6. — La Federacio havas Komitaton, kiu konsistas el delegitoj de ĉiu aliĝinta junulgrupo, po 1 por ĉiu dudeko da membroj por kiuj ĝi pagas kotizaĵon. Tiu Komitato elektas Estraron de 3 personoj: Prezidanto, Sekretario kaj Kasisto, kiu aranĝas la ĉiutagan laboron. Decidojn prenas per parola aŭ skriba voĉdonado la tuta Komitato.

Par. 7. — La oficialaj organoj de B. F. E. J. estas «Belga Esperantisto» kaj la «Esperantista Junularo» de la Universala Esperanto-Asocio de Junuloj.

Kiu sin interesas je tiu nova organizaĵo, sin turnu al la Prezidanto, Rob. Broeckhove, Maatstraat, 52, Antwerpen.

# Gratuloj

Al S-ro Jan Van Schoor, (Antverpeno) kaj lia estimata edzino, pro la naskiĝo de ilia fileto Herman.

Al S-roj Broeckhove, Beaujean, Clémeur, Diels, Milio, Riket, Royers, Swinnen, Van Denderen, Van Muylders (Antverpeno), kiuj kun sukceso faris sian lastan ekzamenon en la Urba Normala Lernejo.

Al S-ro Ludoviko Leflot, (Liero), kiu akiris la plej altan premion en la lasta konkurso pri arhitekturo en la Reĝa Belarta Akademio de Antverpeno.

# Nekrologo

Ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn al S-ro Hendrickx (Antverpeno) pro la morto de lia edzino, kaj al F-ino Stroobant (Borgerhout) pro la morto de ŝia patro.

# Diversaj Informoj

ESPERANTA LIGILO-VESPEROJ (vidu B. E. 1922, paĝo 4), kaj. STUDENTA LIGO ESPERANTISTA (vidu B. E. 1921, paĝô 174 & 209): kiu deziras klarigojn pri tiuj du organizaĵoj sin turnu al S-ro V. Hendricx, Zalmstraat 43, Gent, kie ekzemplero de la dum la kongreso disdonitaj flugfolioj estas havebla.

MONDA PALACO EN BRUSELO. — Nova nacia salono estis malfermita antaŭ nelonge.Estas nova salono pri Francujo. Ĝi enhavas interesajn dokumentojn pri la teritorio, loĝantaro, historio, vivo ekonoma, intelekta kaj politika de suprecitita lando. La aliaj naciaj fakoj ĉiutage pligrandiĝas per novaj sendaĵoj kaj donacoj. Tiamaniere la Monda Palaco en Bruselo iĝas grandvalora muzeo geografia kaj socia, unika en la tuta mondo. Jam tre multnombraj estas la grupaj vizitoj de societoj kaj studentoj.

# Bibliografio

FUNDAMENTO DE ESPERANTO (**Fundament van Esperanto**) Eldono flandra-holanda. De D-ro L. L. Zamenhof; tradukita de Frans Schoofs. Eldonis Esperantista Centra Librejo, Paris; Belga Esperanto-Instituto, 45 Kleine Beerstraat, Antwerpen ; Centra Esperanto-Librejo, 's Gravenhage, 128 paĝoj 17 x 11 cm. Prezo : Fr. 2.50.

Jen libreto jam de longe anoncita kaj senpacience atendita ! Ni tuj diru, ke ĝi plene kontentigas nian atendadon kaj ĉiujn eblajn postulojn. Ne nur ĝi prezentiĝas simpatie , sed ĝi estas presita klare kaj estas (krom kelkaj bedaŭrinde neeviteblaj preseraroj) tute korekta! Mi ne ŝancelas diri, ke, kun «Het Esperanto in tien lessen» de nia amiko Witteryck,, ĝi estas la plej bona libro Esperanta en flandra-holanda lingvo.La «Fundamento» mankis en flandra lingvo! Nia eminenta amiko Frans Schoofs forigis tiun mankon, kaj tion faris kun la konscio kaj la alta kapableco, kiu karaterizas ĉion, kion li entreprenas. Gratuloj al li, kaj vi, flandraj kaj holandaj amikoj, diskonigu tiun verkon de nia Majstro Zamenhof, propagandu per ĝi nian karan lingvon !

L. Cogen.

ESPERANTO-KATALOGO de la Eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Fako, Leipzig, Salomonstr. 15. 16 paĝoj 23 x 15 ½ cm. Senpaga.

EKONOMIA FLUGFOLIO de la Internaciaj Foiroj de Frankfurte a.M. 4 paĝoj 25 x 19 cm. Senpaga.

OFICIALA GAZETO ESPERANTISTA. 8a Vol. 5-6 (82-83) 25 Jan. 1922. Paris, 51 Rue de Clichy. 56 paĝoj 24 x 16 cm. Prezo : Fr. 2.— Enhavo : Lingva Komitato : Kunsidoj de la L. K. dum la XIIIa Kongreso; Sekcio por la Scienca kaj Teknika Vortaro; Sekcio por la Komuna Vortaro. Tria Aldono al Unuversala Vortaro. Konstanta Komitato de la Kongresoj : Oficiala Protokolaro de la XIIIa; Dekkvara Kongreso : Unuaj decidoj Unua Komuniko de la Loka Komitato en Helsinki.

ESPERANTO-LEHRBUCH für VOLKSSCHULEN de Georg Streidt, Teil II: Oberstufe; Eldonis Ferd. Hirt & Sohn, Leipzig; 56 pagoj 22 x 15 cm.Prezo: Mk. 15.—. Nenecese estas, laŭ ni, ripeti laŭdojn, kiujn meritis la apero de la unua parto de tiu libro. Bonega instruilo, kiu certe havos grandan influon super la enkonduko de nia lingvo en la lernejoj de germanlingvaj landoj.

TRA LA MONDO, Internacia Legolibro. Kolektita kaj prilaborita de Paul Bennemann. 1-a parto : Por komencantoj. 2-a eldono. Eldonis 1922: F. Hirt & Sohn, Leipzig. 96 paĝoj: 22 x 15 cm. Prezo: Mk. 15.— kaj 100 %.

La taŭgeco de tiu legolibro estas sendube pruvita par la fakto, ke dua eldono de ĝi jam estas necesa. Kun senpacienco ni atendas la aperon de la dua parto (Por Progresintoj) de tiu bela verko.

LA LEIPZIGA FOIRO eldonita sur luksa papero de la Foiroficejo, Leipzig ; 16 paĝoj : 22 x 14 ½ cm. Bele ilustrita. Senpaga.

III. INTERNACIA FOIRO DE REICHENBERG, 12-20 aŭg. 1922. Ilustrita broŝuro de la Foiroficejo eldonita. 8 paĝoj: 14 ½ x 23 cm. Senpaga.

AMA STELARO, Tradukaĵoj kaj originalaĵoj. Verkita de La Forgesito. Eldonis 1922 : O. Ziegler, Martredwitz (Bavarujo), 128 paĝoj 14 ½ x 100 ½ cm. Prezo : Mk. 18, k. 100 %.

Enhavas 2por- porinfanajn komedietojn: «La Korvo kaj la Vulpo» de Coelho Netto kaj «La Nigra Papilio» de Olavo Bilac. Krom tio 17 prozaĵojn. Tre bonstila kolekto, agrable eldonita.

PER TOLBOATO, Skizo de Jotoka. Ilustrita. Eldonis 1922 O. Ziegler, Marktredwitz (Bavarujo). 24 paĝoj 14 ½ x 10 ½ cm. Prezo : Mk. 6, k. 100 %. Tre agrabla ripoziga legaĵo originale verkita.

LA PESTO EN MILANO dum 1630, El «La Gefianĉoj» de A. Manzoni. Ĉapitroj XXXIa-XXXIIa tradukitaj de Dokt. P. C. Monti. Eldonis A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Itallando). 1921. 22 paĝoj : 24 x 17 cm. Prezo nemontrita.

Laŭhistorie tre interesa verketo. Bona traduko.

AMFITRIONO, Komedio en tri aktoj de Molière el franca lingvo tradukis Enrique Legrand. Eldonis 1922: Esperantista Centre Librejo, Paris. 128 paĝoj 19 x 12 cm. Prezo : Fr. 3.

Nova perlo pliriĉigas nian Esperantan librotrezoron. La famo de granda franca verkisto nenion perdos pro la eldono de tiu traduko, kiu estas vere majstre, kvamkam en tre simpla formo, farita. Ni kore gratulas nian Montevidean samideanon Enrique Legrand pro lia laboro, al kiu ni deziras plej bonan sukceson.

DEVOJ DE LA HOMO. — Penso kaj agado. Dio kaj Popolo. Originale verkita de Giuseppe Mazzini. El la Itala lingvo tradukis Mikaelo Arabeno. Eldonis 1922 : Laborista Esperanto-Grupo, Genova (Italujo). 164 paĝoj: 16 x 11 cm. Prezo nemontrita.

Gravan laboron liveris nia malnova samideano Arabeno, tradukante tiun gravan verkon de la famekonata itala politikisto kaj ekonomiisto. Laŭ lingva vidpunkto lia traduko okupos honoran lokon en la Esperanta libraro.

LA SONORIL-KONCERTOJ de Jef Denyn, eldonita de la societo « Mechelen-Aantrekkelijkheden; Malines-Attractions» okaze de la festoj organizitaj nunjare je la honoro de la Majstro-Sonorilaristo de Mehleno.La broŝuro enhavas la programon de la diversaj koncertoj kiuj okazos dum la proksima somero sur la turo de la Mehleno preĝejo.La klarigaj tekstoj pri la koncertoj, pri la sonorilaro, kaj pri la urbo ankaŭ enhavas Esperantan tradukon. Bedaŭrinde tiu teksto enhavas pli ol sufiĉe da eraroj. Ni kore esperas, ke estonte la teksto estu pli zorge korektita. La broŝuro estas bele ilustrita. Ĝia prezo estas Fr. 1,25 kaj estas havebla ĉe la oficejo eldoninta : Bruul 5, Mechelen aŭ ĉe nia amiko A. Baesens 16 Statiestraat, Mechelen.

F. D.